**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.



# Niaj reprezentantoj:

**AUSTRIO:** Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 185 Exhibition Str.
**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto **Antwerpen,** Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.
**BRITUJO:** Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn
**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.
**ĈEĤOSLOVAKIO:** Otto Sklenĉka, **Hradec-Kralové.** Poŝtkonto nro: Brno 110.878.
**DANUJO:** Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.
**ESTONIO:** Helmi Dresen, **Tallin,** Poŝtkest 6.
**FRANCUJO:** Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.
**GERMANUJO:** Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084
**HISPANUJO:** Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a
**ITALUJO:** Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
**JUGOSLAVUJO:** Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.
**NEDERLANDO:** Internacia Cseh Instituto **Haga** Riouwstraat 187
**NORVEGUJO:** Norvega Ligo Esp-ista, **Oslo,** Bergsliengata 11.
**POLUJO:** Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
**RUMANUJO:** Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15
**SVEDUJO:** Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.
**SVISUJO:** Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen.**
**JAPANUJO:** Japana Esperanto Instituto Tokio, Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
**USONO:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) 556 State Str.
**ALIAJ LANDOJ** ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton **al P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu.

1935: n. 150.

# LEO BELMONT – en kalejdoskopo



1887. Tra la stratoj de Varsovio vagas juna studento. Haltadas antaŭ librejaj vitrinoj. En unu el ili li rimarkas broŝureton »Lingvo internacia«. Li ekinteresiĝas. Kelkajn tagojn post la aĉeto de ĉi broŝuro li jam parolas esperante. Kia metamorfozo: antaŭ nur kelkaj tagoj li ankoraŭ estis certa, ke paroli pri internacia lingvo estas ne nur utopio, sed vana tempoperdo, ĉar... lingvo internacia estas ja afero ne ebla. Kaj eĉ ne povas esti ia diskuto pri tio. Kaj jen — post nur kelkaj tagoj Leo Belmont jam estas entuziasmulo de tiu ideo, li jam hontas pro la skeptika rideto, kun kiu li eniris la librejon por aĉeti tiun rev-utopian projekton.

*

Kiu el ni, malnovaj (maljunaj?) esperantistoj ne aŭdis pri la famaj profetvortoj: *Vi venkos, Sinjoro!* (En la julia numero de la Geneva »Esperanto« la ĉefredaktoro dediĉas al tiuj vortoj, kiel ankaŭ al ilia aŭtoro, la tutan front-artikolon.) En oktobro 1887, t. e. ĝuste unu monaton post la supre citita okazintaĵo la juna studento Leopoldo Blumental skribis entuziasmoplenan leteron al la aŭtoro de Esperanto, Dro Ludoviko Zamenhof kaj finis ĝin per: Vi venkos! (Ĝia plena teksto troviĝas en la nuna numero.)

*

Jaroj pasas. La »batalo de l' vivo« forpelas nian heroon al zorgoj kaj klopodoj. La studento fariĝas advokato. Por perlabori sian vivon li, translokiĝas Peterburgon, kie li okupiĝas pri la defendado de politikaj persekutatoj, precipe poloj. Dum kelkaj jaroj pri Esperanto li ne okupiĝas. Sed kiam en Peterburgo malfermiĝas la societo »Espero«, li partoprenas. Kiam malfermiĝas la unua pola rondeto en Varsovio, li fariĝas korespondanto. Kaj en tiuj tempoj multe ŝuldas al lia plumo la sukcesoj de Esperanto ĉu en Polujo, ĉu en Rusujo. Tiel belege, tiel konvinke li propagandas Esperanton, precipe sur la kolonoj de la tiam plej altnivela rusa revuo: *Vestnik Znanja,* ke nur dank' al lia plumo la rusa inteligentularo ekkonis la valoron de Lingvo Internacia ĝenerale, kaj Esperanto precipe kaj, kore kaj anime kun Polujo, malgraŭ ke li loĝis en Peterburgo, li kunlaboris — koresponde — kun la »Unua Rondo« esperantista en Varsovio...

*

Ne rapide pasadas jaroj ĉe tia energia kaj laboravida naturo kiel la Belmonta. Diversaj, diversegaj estis la vivperipetioj de tiu juna, tamen jam fama verkisto. (Indas aldoni ke en la komencaj jaroj de sia pluma agado li uzis la pseŭdonimon: Kazimierz Domowicz pole: Hejmulo, ĉar li tre ŝatis sidi hejme kaj skribi.) Nur ekde 1887 — sur la verko »En la nerva epoko« (W wieku nerwowym) li uzas la pseŭdonimon: Leo Belmont. Lia populareco rapide kreskis tre granda. Lia vigla naturo dum unu jaro travivas kelkajn... La materiala situacio neniam volis lin favori. Ĉiam mankis al li bonhavo. Tio tamen tute ne influis lian humoron. Kaj malgraŭ ĉio li estas unu el plej bonhumoraj verkistoj, eminenta satirulo kaj ŝerculo.

*

Kiam je la verkista talento de Belmont komencis turni atenton la plej grandiozaj mensoj en Rusujo, kiam ĉiuj komencis profeti al li nekutiman estontecon de »rusa« mondfamulo, Belmont ektimis. Ke li — centprocenta patrioto pola — estu fiero de Rusujo? Ke li ne eluzu sian talenton, konon kaj famecon por sia malfeliĉa patrujo? Ne! Tio ne lasis lin trankvila. Kaj Belmont revenas Varsovion en 1905. Tie li fordonas sin plene al sia literatura, publicista, oratora kaj advokata laboroj... Baldaŭ li okupas ankaŭ decan lokon en la komenciĝanta tie ĉi esp. movado. Li kreas literaturon *poezian.* Li tradukas *la unua* poezion en Esperanto troveblan en Fundamenta Krestomatio, li havas *la unua* ideon traduki *el* Esperanto en polan lingvon. Kaj li liveras al la pola literaturo *ĉiujn* poeziaĵojn de nia Majstro. Li tradukas ankaŭ la plej belajn originalajn poemojn de Antoni Grabowski.

*

1905. En Varsovio la fama furioza revolucio estas en sia plej akra stato. Belmont, la publicisto, la oratoro, la advokato, evidentiĝas tiutempe superhoman senlacecon... Kaj ĉu en tia tempo estas eble memori pri Esperanto?.. Belmont pruvas ke jes. Kaj ne nur memori, sed eĉ tre aktive labori... Li veturas al ia kongreso de utopiuloj al... Boulogne sur Mer. La unua kongreso en la historio de l' mondo, dum kiu ĉiuj partoprenantoj reciproke sin komprenadis kaj parolis samlingve... Infana malseriozaĵo! opiniadis tiam la »seriozaj« aŭtoritatuloj. Belmont ne volis esti serioza, kaj veturis Bulonjon. Kaj en tiu tempo, tia »kaprico« ne estis facile realigebla. Unue, la rusa registaro devis doni permeson, t. n. pasporton. Kaj tio kostis ne nur monon, sed ankaŭ multe da penaj pledoj. Precipe por tiaj homoj, kia Belmont, kiun la tiama registaro rigardis nefidinda, ne lojala. Malgraŭ ĉiuj ĉi malfacilaĵoj Belmont ne haltas kaj efektivigas sian decidon: Li ĉeestas la unuan Universalan Kongreson de Esperanto en 1905. Kaj dank' al la eksterordinara orator-talento de Belmont, la Kongreso, post longa diskutado, akceptas la rezolucion, ke Universala Kongreso okazu ĉiujare. La tuta mondo do danku tion al li.

*

1912. Ree pasas jaroj. Al la potencaj argumentoj, ĉiutage nove de Belmont liveritaĵ, la pollanda movado ŝuldas sian progreson kaj penetradon en plej intelektajn sferojn. La pola socio tiutempe bataladis pro la rajtoj de sia propra, pola lingvo. La kondiĉoj do por batali pro internacia lingvo ne estis favoraj. Sed Belmont sciis distingi inter nobla patriotismo kaj ŝovinismo. Kaj sentime, per plumo kaj buŝo, li krucbatalas por »la bela sonĝo de l' homaro«... Kiam en 1912 Belmont ree ekdeziras veturi Kongreson de Esperanto en Krakovon (tiutempe por li — eksterlando) li jam renkontas grandajn malhelpaĵojn. Li estas *post* kelkfoja mallibereco kaj antaŭ denova verdikto pro nova politika proceso. Tiaj ne

# MIA AŬTOBIOGRAFIO

— LEO BELMONT —

Mi estis vere kortuŝita per la afabla propono de s-ro Wiesenfeld, en la nomo de l' tre ŝatata »Literatura Mondo«, ke mi skribu mian aŭtobiografion. Sed ĉi tiu propono multe min hontigis kaj klopodigis, ĉar mi havas nek aŭton (aŭtomobilon) post peza kvindekjara laboro literatura, nek biografion. Homo, kiu estis dum sia tuta vivo (ĝis la sepdeka jaro!) alforĝita kiel punlaborulo al sia skribotablo, skribis cent volumojn (ne kalkulante la ne malpli grandan publicistan laboron en multaj gazetoj kaj en amaso da manuskriptoj »postmortaj«) ne havis tempon por vivi kaj konsekvence ne povas havi biografion, teksitan el interesaj faktoj, laŭ ekzemplo de Napoleono, Benvenuto Cellini, Casanova, aŭ — Landru.

Duaflanke, por skribi sian aŭtobiografion kaj tiel perdi la karan tempon, oni devas iomete ami sin mem (al tio rajtigitaj estis Goethe aŭ Rousseau) kaj havi tempon liberan, kiel Napoleono sur Sankta Heleno, dum mi tiom ne amas min mem, ke dum razado ĉe l' barbiro — se mi tiam ne estas okupata per pensoj, kaj okaze vidas mian reflekton en spegulo — volonte mi disrompus tiun spegulon. Nur saĝa instinkto min detenas de tiu vandala ago, ĉar mi scias, ke por rompita spegulo mi ne havus rimedojn pagi al la barbiro kaj ke mi devus doni klarigojn al la policista potenco, kio ne estas granda plezuro.

La leganto tamen ne devas pensi, ke mi similas al Quasimodo.

Tiu humoro de sinmalamado estas nur idiosinkrazio, esprimita ankoraŭ en mia infana malkontenteco, kiam mia ŝatata patro ordonis al mi eklerni la arton de skribado — tute senbezone.

Se la tezo: »tempo estas mono« havas ian sencon, (kontraŭ la faktoj de kriza senlaboreco, kiam oni havas multegon da tempo sen unu groŝo en poŝo), kaj se, konsekvence, senmoneco estas sentempeco, vi povas ja diveni, ke mi tute ne havas tempon okupiĝi pri mi kaj skribi mian aŭtobiografion.

Tiuj ĉi maloportunaj cirkonstancoj devas akiri al mi ĉe la legantaro pardonon, ke mi ne donos aŭtobiografion veran, sed ion tute nedifineblan, karikaturon de aŭtobiografio. Nu, mi komencu!

Mi naskiĝis en Varsovio en la strato Agla (Orla) kaj sentas min nun kiel aglo kun flugiloj derompitaj, dank' al miaj malamikoj kaj iomete al la amikoj, kun kiuj estis pli malfacile sin aranĝi. Poste, en mia junaĝo, mi vivis en la strato »Funga« ĉe angulo de »Pusa«, speco de strato »sovaĝa«, kie loĝis nia Majstro — kaj kiun estis tiel klopode transformi en »straton« Zamenhofan — (la strato tamen estas ankoraŭ nun sovaĝa). Poste mi vivis en multaj pli belaj stratoj, sed la puson kaj putrecon mi vidadis ĉiam, eklerninte penetri homajn animojn.

Mi naskiĝis en jaro 1865 en marto, t. e. tiam, kiam ĵus silentiĝis la tondroj kaj pafoj de la antaŭnelonga, malfeliĉa, lasta pola ribelo kontraŭ la rusaj uzurpuloj. Pro tio, ankoraŭ en la jaroj 1907—1913, kiam mi eldonis la semajnan gazeton »Libera Vorto« (kaj ĝin plenigis per miaj propraj laboroj preskaŭ de rando ĝis rando), mi estis devigita multe tondri kaj fulmi por anstataŭigi la ribelajn pafilojn per vorto... kio ne tute plaĉis al la registaro. Tion pruvis, ke mi estis lokita kvinfoje en diversaj malliberejoj pro ofendo al Lia Majesto, ktp. — kion tamen mi rigardas bagatelo, ĉar sidi pro la patrujo ne estas granda arto. La tagoj, kiam mi »vizitadis« la malliberejojn, kvazaŭ »inspektoro« — estas por mi pli agrablaj rememoroj, ol mia vivo; malagrable estis nur tio, ke multaj homoj en la stratoj renkontis min kun ekkrio: »ho! vi ree sidis!« — ĉar mi vidis, ke ili malpli interesiĝis pri tio, kio estis en mia kapo, ol pri tio, kio estis al mia »malkapo«. En tiu tempo mi jam sciis, ke la malliberejo de l' tera vivo estas pli kruela, ol ĉiuj bagatelaj malagrablaĵoj de sidado inter fermitaj muroj; tio lasta ne malhelpis al mi, dank' al mia edzino, eldonadi mian gazeton sub ŝia nomo kaj alia titolo (Polemikisto«). Kun la rusaj registaranoj cetere mi helpis al mi tre bone, dank' al eltrovita de mi sekreto: renkontinte saĝan oficiston, mi penis ĉiam esti pli saĝa, renkontinte malsaĝan, mi penis esti pli malsaĝa. Kia mi mem estas, mi ne povas diri. Mia amata edzino foje diras, ke mi estas geniulo, kaj foje, ke mi estas idioto

---

estas ellasataj eksterlanden. Sed voli estas povi. Troviĝis bonaj amikoj-samideanoj, kiuj elpledis por li esceptan permeson, por tre alta mona garantiaĵo. Kaj li ĉeestis la Okan. Kiu ne memoras lian paroladon, en kiu — post kiam Dro Zamenhof rezignis la titolon Majstro kaj petis, ke oni lin ne nomu plu tiel — li majstre pruvis, ke estus absolute neeble, ke la Esperantistaro lin ne rigardu Majstro. Majstro — li diris — restas por ĉiam majstro. Homo, kiu kreis la esperantistan mondon restos por ni kaj niaj posteuloj Majstro... Historia, neniam forgesebla oratoraĵo! (»Estimataj samideanoj kaj karaj frenezuloj!« — sprito kaj kortuŝo en plej arta kaj plej majstra mikso.)

*

Restus ankoraŭ tiom multege por diri! Pri lia dummilita agado, pri liaj personaj rilatoj kun la Majstro, pri liaj famaj funebro-paroladoj, pri liaj geniaj propagandaj publik-paroladoj, pri liaj prelegoj kun Baudouin de Courtenay, prof. Charles Richet (el Parizo) kaj aliaj plej famaj eminentuloj. Kaj kiom riĉega estas la parolad-repertuaro de tiu orbuŝulo dum niaj esperantaj solenoj! Longe ankoraŭ, tre longe tirus sin la filmo pri Leo Belmont. Unu homo, en unu artikolo povas plenumi eĉ malgrandan parton de biografio, kian meritus Belmont... En la antikvaj Arkadiaj tempoj, kiam la dioj marŝadis sur la tero, estis ĉies deziro ekkoni la sekreton: kiel distingi de homo dion? Troviĝis tamen, kiuj malkovris la sekreton: por distingi homon de dio, oni devas vidi, ĉu li havas ombron. Dioj ne havas ombrojn. Bone! Sed kiel distingu blindulo?... Blindulo — ne distingas.

Leo Belmont! Kiu ne estas blinda — tiu vin rimarkas.

Leo Belmont! Ankaŭ nia Majstro havis tre pezajn jarojn. Vi malgraŭ ĉio profetis al li per neforgeseblaj vortoj: Vi venkos, Sinjoro, vi venkos!

Leo Belmont! Je via sepdeka jaro permesu ripeti la eterne memorindajn profet-vortojn: VI VENKOS, SINJORO, VI VENKOS!

Varsovio, decembro 1934.

*Edvardo Wiesenfeld,*

# POEMOJ DE LEO BELMONT

El la pola HALINA WEINSTEIN

## La rivero

*Marvent' ekblovis . . . Kaj la rivero*
*Formojn, kolorojn tuj ŝanĝas:*
*La tutan akvan trankvilan spacon*
*Koleraj ondoj ektranĉas.*

*Kaj unu ondo tuŝas alian,*
*Ili batalas ja ŝove,*
*Malsupreniĝas kaj supreniĝas,*
*Por baldaŭ fali denove.*

*Kaj intertraktas vigle senĉese*
*Da riverondoj miliono, —*
*Bru' kreskas kiel dum la kunveno*
*Pro malamika propono.*

*Ĉu ne simile homa rivero*
*Forte potence koleras*
*Kaj kontraŭstaras, kiam subite*
*Novaj ideoj aperas?!*

## Sentema

*Ŝi, altanima, karakteron dolĉan,*
*Anĝelan havis;*
*Per angla plastro ĉiun vunditon*
*Tuj savis . . .*
*Kompatvortetojn ŝi sciis flustri*
*Al la vermeto,*
*Iris singarde, ke ĝin ne premu*
*Piedeto . . .*
*Ŝi eĉ ne povis de sia mano*
*Forpeli kulon;*
*Tion farinte, ŝi certe havus*
*Skrupulon . . .*
*Kaj ŝi dolore perditan ploris*
*Sian kateton;*
*Eĉ tutan tagon ne manĝis poman*
*Kuketon.*
*Post mort' de l' birdo ŝi volis porti*
*Funebran veston,*
*Kaj en gazeto anonci ĝian*
*Foreston . . . .*
*Kiam la muŝo en supo dronis,*
*Forte ŝi ĝemis, —*
*Nur mian koron ŝi, la sentema,*
*Piedpremis! . . .*

## Nokturno II.

*Bru' de l' vento, bru' minaca . . . .*
*Falas brue foliar' . . .*
*En krepusko branĉo krakas . . .*
*Da turmentaj pensoj ar' . . . .*

*Dum terura tiu nokto*
*Kuŝas vi, ho karulin',*
*En malvarma nigra tombo . . .*
*Tiu pens' turmentas min . . .*

*Mi solecon sentas ĉie . . .*
*Vi ne venos, ho, al mi*
*Ardan frunton mian premi . . .*
*Min plu ne dormigos vi . . .*

*Vi ne venos . . . Kaj renkonte*
*Al vi devas iri mi . . .*
*Bru' de l' vento . . . tiu voko! . . . .*
*Ĝeme falas velkfoli' . . .*

## Virtulino

*En kelloĝejo, kie malofte*
*Sunradi' rigardis,*
*Ŝi kudris vestojn, ofte malsatis,*
*Virton sian gardis.*

*Neniu kompatis iam sorton*
*De la orfknabino,*
*Nek vidis larmojn kaj malsaton*
*De la virtulino.*

*Jes . . . estis iu, kiu ŝiajn zorgojn*
*Forigi tuj volis, —*
*Junulo (li sur partero loĝis)*
*Pri amo parolis . . .*

*En pordeg' li ofte dum renkonto*
*Flustris al orfino,*
*Ke volonte ŝanĝos ŝian sorton,*
*Volu nur knabino . . .*

*En la kelo, pro kudrado, nure*
*Atendas ŝin ftizo,*
*Ĉe li estos por la kudristino*
*Feliĉ', paradizo . . .*

*Ŝi havos briliantojn, kaleŝon . . .*
*Konsentu orfino! —*
*Forta ruĝo kovris tiam vangojn*
*De la virtulino.*

*Pro malsat' ŝi mortis . . . Vivo por ŝi*
*Estis sen valoro . . .*
*Kudris vestojn, virton sian gardis*
*Ĝis la lasta horo . . .*

*Hospitalon forlasis matene*
*Veturilo sola . . .*
*Falis ĉerkon de la kudristino*
*Sunradia ora.*

— tio dependas de l' humoro de mia oferema vivkunulino: kiam ŝi estas pli prava, mi ĝis nun ne povis diveni.

Sed mi revenu al la komenco de mia *quasi*-aŭtobiografio.

La okan tagon post mia naskiĝo mi estis iomete kripligita. Tio okazis tute malgraŭvole (mi ne povis batali kun la barba sinjoro kun tranĉilo kaj mia vekriado estis vana). Tamen tiu malgranda vundeto, cetere vestkovrita, montriĝis tre danĝera en socia vivo. Car eĉ post pli ol sesdek jaroj, antaŭnelonge, mi legis en ia Poznanja pola gazeto krion de indigno kaj kolerego kontraŭ mia persono, sonantan: »Kio okazis en nia literaturo! Kiu kuraĝas traduki en polan lingvon?!

ĵaj Belmontoj kaj Wassermanoj! Ho, honto!...« kaj la kaŭzo de tiu krio estas nur tiu tranĉema sinjoro. Tiu kolera, blankbeka kritikisto ne scias, ke mi skribas jam *kvindek* jarojn pole kaj ke jam mia avo, eminenta doktoro kaj filantropo, Mateo Ŝtudencki, skribis pole medicinajn laborojn (inter aliaj, kvazaŭ antaŭvidinte la sidan laboron de sia nepo, pri — »Hemoroidoj« — ne Homeroidoj). Sed ĉu mi rajtas deziri, ke tiu juna floro de postmilita ĵurnalistaro, sciu pri tio, — se li eĉ ne scias —, ke Wasserman estas germana aŭtoro kaj mi, okaze, lia tradukanto? Mia kritikanto vidis nur la reklamojn de eldonisto kaj ankaŭ tiujn malbone tralegis.

Pro la sama kaŭzo, mi, kies tradukon de l' Puŝkina ĉefverko, »Eŭgeno Onegin« siatempe la pola kaj rusa kritiko nomis. »ekzemplo de perfekteco« — nun, en la lastaj tagoj de mia vivo, subite eksciis, ke mi absolute ne konas ambaŭ lingvojn: polan kaj rusan. Eble tiuj modernaj kritikuloj pravas. Estas ja eble, ke sen la kono de la rusa lingvo mi estis advokato kaj defendanto en Peterburgaj juĝejoj dektri jarojn, ke sen la kono de la rusa lingvo mi kortuŝis la rusajn militajn juĝistojn, en la kruelaj tagoj de l' subtera movado en Varsovio. Kaj oni devas esti publika lektoro en Varsovia altlernejo, traveturi centfoje la polan provincon kun prelegoj, skribi amason da volumoj, esti ankaŭ instruisto kaj advokato en pola lingvo, por malfermi ĉe sia vivofino la okulojn kaj ekscii, ke oni ne povas skribi kaj paroli pole.

Ĉi tiu paradoksa stato havas ankaŭ duan flankon. En mia trideka jaro, travivinte internajn emociojn kaj pensante, ke mi estas la sinjoro kaj registo de mia konscienco, mi permesis surŝprucigi min per evangelia akvo. Nun granda amaso da amikoj de l' homo kun barbo kaj tranĉilo sentis sin ofenditaj pro tio, ke mi volas ripari la operacion en lulilo — kaj krucigas nun multjare kaj fervore mian nomon, trovante ke mi ne skribas sufiĉe — jude, kiel liberpensulo.

Okazas de tio strangaĵoj, mirindaĵoj! Se mi skribas pri tragedio de Israelo en duvoluma verko: »Moseo nuntempa« (la heroo estas Herzl, kies tragedion sur vojkruciĝo mi profunde eksentis) — mi aŭdas de l' nacia judpresa flanko, ke mi agis sakrilegie, tuŝinte la judan temon per manoj makulitaj, malpuraj (jes! ili ne pardonas al mi la uzadon de akvo), kaj de l' dua flanko, kristpresa, ŝovinista, mi aŭdis, ke mi grandigis kaj nobligis ĉion judan kaj malnobligis perverse ĉiujn kristanojn en mia romano. (Tiuj ĉi lastaj ne povas pardoni al mi la memorindan vundeton.)

Ĉiam estas same en miaj sociaj kaj literaturaj bataloj. Niaj politikaj tendaroj havas mirinde mallongajn manojn. Kiam ili surĵetas sin reciproke per ŝtonoj, tiuj ne atingas ĝis la kontraŭulo kaj falas enmeze. Kaj ĝuste en tiu mezo estas mi, »sovaĝa« homo, fanatika malamiko de fanatikeco, parolanta maldolĉan veron al ambaŭ flankoj. Vere mi estas mem kulpa, se ĉiuj ŝtonoj faladas sur mian kapon.

Tamen mi restis ankoraŭ viva. Kiel? Eble pro tio, ke efektive mi estas nur parte sur la tero, kaj pli ofte kaj pli pene super la tero, sur nebuloj de filozofia pripensado ... Mi povis min konsoli per tio, ke la sorto de l' iom kreskintaj super la amason estas: pagi tributon al Kalumnio. Tamen, samideanoj, ne pensu, ke mi estis *tute* superŝutita per ŝtonoj. Oni ne povis min ŝtonumi: miaj romanoj historiaj kaj psiĥologiaj estas tamen tre legataj kaj amataj de la publiko.

Kaj fine ĉio ĉi enuigas min kaj mi volonte ekirus el tiu ĉi enua turniĝeto inter vivo kaj morto. Okazas tia metamorfozo. Juna verkisto songâs pri gloro inter vivantoj. Kiam li ĝin havas, li trovas senvaloraj la aplaŭdojn kaj ravojn. Li vidas, kiel ofte oni laŭdas ankaŭ reklamitajn nulojn; kaj li estas jam preskaŭ kontenta, se oni piedbatas lian bonan nomon. Poste, kiam la aŭtoro maturiĝas: li sonĝas nur pri gloro inter la posteuloj... tiel pasie, kiel antaŭe, plijuna, li sonĝis pri gloro inter samtempuloj. Sed li maturiĝas ankoraŭ pli, li maldolĉiĝas, li perdas kredon en hieraŭ, hodiaŭ kaj morgaŭ kaj unutage li diras al si, preskaŭ same kiel la Bourbonoj kun Madame Pompadour: »*Après moi le déluge*...« Ĉu vi scias, karaj legantoj, ke mi trastudis dekses volumojn de Enciklopedio (de Olgebrand) kaj mi scias bone, kio estas la gloro: pura hazardo. Kiom da grandaj homoj estas tute forgesitaj: kiom da aliaj grandaj homoj estas ankoraŭ laŭdataj, sed — ne-legataj, kaj kiom da verkoj estas tute perditaj, detruitaj kun la tempo: restis nur pecetoj aŭ titoloj — eble ne ĉiuj titoloj!

Tio tamen sonas tre maldolĉe. Ne, mi ne diras: morgaŭ, post mi la diluvo! Sed mi diras: mi faru nur mian devon — la tempo faru pri mia laboro, kion ĝi volas fari... Sed dumvive mi faros mian devon laŭ mia plej bona eblo! Tamen, ensume mi faris jam multon kaj mi havas rajton ripozi. Pripensu, kion mi faris, mi postvivis tri imperatorojn rusajn! — ne sufiĉe! —, mi postvivis reĝinon Viktorian kaj Franciskon Josefon: ĉi ambaŭ ŝajnis iam al mi la emblemo de eterneco!

Nu, vi vidas, ke oni ne povas kalkuli je mi. Volante skribi nenion, mi skribis tro; kaj skribinte tro multe, mi skribis nenion, kio povus doni al vi eĉ eron de miaj vere grandaj vojaĝoj tra la landoj de penso, de sento, de fantazio, de satiro, ktp. Eble mi skribis nenion interesan por vi, samideanoj. Ĉar eble mia devo estis priskribi nur mian vojon tra Esperantujo. Kaj nun mankas al mi tempo kaj pacienco por tuŝi tiun pli gravan por la esperantistaro temon. Nur kelkajn

## Sub la bildo de Leo Belmont

— Viktor Gomulicki* —

*Jud-origina. Venĝajn anĝelojn li prigloris,*
*Solenis Kriston, gloris Astarte-n, respektplena,*
*Budhon kaj Mahometon estime li honoris,*
*Sed li batalis kun la satano abomena.*

*Por la amas' avida ne ŝparis li talenton,*
*Donis li paĝojn plenajn de larm' kaj gal' sentime,*
*Sed tiu, por ĉi ĉio, nur mokon kaj silenton*
*Al li en memortemplo ja lasis dankesprime.*

*Meta-jud', super-polo, li loĝis en genio*
*Surkraĉis naŭze porkojn entogajn kun protesto,*
*Kaj la azenojn, lupojn, marĉandantajn kun Dio,*

*Paculojn, kiuj kaŝas la glavon sub la vesto.*
*La sola zorg' — Patrujo! Vipis per ironio*
*Falsistojn de la vero, vendistojn de honesto.*

El la pola: *E. Wiesenfeld.*

*) Unu el la plej famaj polaj poetoj, kiu sendis la supran soneton spontanee por publikigo en la lasta (200-a) numero de la »Libera Vorto« (21. IV. 1913).

# Esperanto en la homara evoluado

C. M. HAMAKER

Sub titolo »Zamenhof eraris« en Literatura Mondo Novembro 1934, Georgo Verda deklaras, ke la Majstro eraris fidante pri la paciga efiko de lia lingvo, ĉar Esperantujo ne povis defendi siajn limojn kontraŭ la invado de la malkonkordoj kaj malpacetoj, kiuj nuntempe regas ĉie. Li fine eĉ konsilas apartigi Esperantujon en la samajn mondrigardajn frakciojn, kiuj venenas la mondon ekstere.

Nu, la bedaŭrinda sed neevitebla dispartigo de la esperantistaro en diversajn grupojn fariĝas senpere, ne necesas ĝin speciale organizi.

Pri la artikolo de Verda, nur interesas la demando, ĉu Zamenhof eraris, kaj ĉu la krio de malespero de la skribinto estas pravigita.

*

De kiam la Majstro faris sian verkon, la kondiĉoj por la efikado de Esperanto, neantaŭvideble kaj por kelka tempo, sanĝiĝis malfavore en plej forta grado; estas same por Religio, Etiko kaj Moralo.

Por kelka tempo nur! La homara evoluado, sin movanta al Unueco, havas periodojn de refalo, regreso, el kiuj ni unu travivas.

Ni povas imagi al ni la homaran evoluon, kiel suprenirantan linion, kiu tamen ne rekte supreniras, sed montras multajn kontraŭdeklivojn kaj refalojn.

Kombreneble, la homarevoluaj aferoj devas tute alie aspekti, vidate de mezalta punkto sur tiu linio, ol de ĝia profundo.

Nur la vido el la mezalta punkto povas esti korekta, ĉar la profundaĵo estas nur kelktempa, kaj la vido de el ĝi nur okaza.

Ĉu G. Verda atentis la fakton, ke ni troviĝas en profundaĵo?

La homara evoluo tendencas al Unueco. *Unueco en la senco de ĝenerala rekono de la* FUNDAMENTAJ *egaleco, egalrajtigiteco kaj egalvaloro, de ĉiuj homoj.* Unueco ankaŭ materie, en la senco de ĝenerala ekonomia kundependeco de ĉiuj homoj.

(Ni diris »fundamentaj«. Certe ĉiam ekzistis, ekzistas, ekzistos ĉiaspecaj diferencoj inter la homoj, sed nur *tiuj* diferencoj fine restos, kiujn la homo mem logike kaŭzas, per siaj naturo kaj agoj; *ne* tiuj, kiujn kreas la malmodesteco, la antaŭjuĝo kaj la potencmisuzo de aliaj homoj.)

Nu, depost la tempo kiam malgranda gento estis la plej granda unuaĵo da homoj, kiam juro kaj moralo validis ekskluzive por la samgentano, la homaro daŭre, kvankam ne seninterrompe, ne sen refaloj, marŝas al la finfosto de tia Unueco.

La historio parolas klaran lingvon ĉi rilate. Oni aŭskultu:

— La malgrandaj gentoj, pro kunigo fariĝis grandaj, el ĉi tiuj kreskis popoloj, kiuj unuiĝis en Ligon, kaj jam pensas pri Unuigita Eŭropa Ŝtato.

— Venis la rekono de la rajto de memdispono pri la homa korpo, la abolicio de la Sklaveco; unue por la Blankulo (Servuteco) kaj 600 jarojn poste, per li, ankaŭ por la Kolorulo.

---

vortojn pri miaj rilatoj kun la Majstro, kies amiko mi estis ĝis Lia morto.

En la jaro 1887 — kiam unue aperis la lernolibro de Lingvo Internacia en librejaj fenestroj — mi aĉetis hazarde broŝuron, tiam ankoraŭ freŝa studento de juro. Jen »curiosum« — mi pensis kaj volis nur iom ludi per tiu fantazia ideo: lingvo, kreita de unu homo, revulo! Jes! mi ne kredis, ke lingvo artefarita povas esprimi ĉiujn delikatajn sentojn kaj ideojn de l' homa koro kaj cerbo. Mi lude provis. Post kvin tagoj de studado — ho, miraklo! — mi sukcesis traduki kelkajn versojn de Byron kaj Heine. (Post jaroj, ĉi tiuj tradukoj, kiel klasikaj, troviĝis en Fundamenta Krestomatio.) Tiel mi fariĝis esperantisto kaj unua post Zamenhof poeto esperanta.

Entuziasmigita, mi skribis al la tiam ankoraŭ nekonata al mi Zamenhof: »*Vi venkos, Sinjoro, Vi venkos!*« kaj mi montriĝis profeto, kio devas neniun mirigi, ĉar mi ja estas parenco de Jesaja kaj, krom tio, la juda proverbo diras: ĉiu malsaĝulo estas duonprofeto.

Sed mi volis esti ne nur profeto (plena), sed ankaŭ instruista batalanto pro Esperanto. Mi vizitis la Majstron tuj post mia letero kaj prenis de Li multajn libretojn, pritraktantajn la antaŭ-Zamenhofajn provojn de artefaritaj lingvoj, mi konatiĝis kun Volapük, poste mi studis diligente la oksfordajn lekciojn de l' granda lingvisto Max Müller, mi *unua* trovis lian tezon pri ebleco de lingvo artefarita kaj post kelke da semajnoj da studado, mi verkis grandan kaj unuan teorian laboron pri »Lingvoj artefaritaj kaj naturaj«. En mia laboraĵo mi antaŭvidis la venkon de Esperanto, ankoraŭ nekonata al la mondo, super la eniranta iomete en vivon Volapük kun ties barbara vortaro. (Vere, post tri monatoj la Nürnberga Klubo defalis de Volapük al Esperanto, la unua redaktoro de esperanta gazeto, Trompeter presis mian teorian laboron en esperanta traduko). Kun ĉi tiu mia laboro — granda manuskripto en la lingvo pola — mi iris al la ŝatata redaktoro de monata eldonaĵo »Ateneum«, Chmielewski. Tiu rigardis elsupre la junan studenton kaj muĝis, turnante mian artikolon: »Hm! al mi ne plaĉas la vorto *kaj*... Ĝi estas tro antikva... En novaj lingvoj ni havas nur mallarĝajn: kiel france »et«, pola »i« — nur unu, aŭ duliterajn.« Mi demandis preskaŭ aroge: »ĉu la germana »und« ne havas tri literojn«. Li sulkigis la frunton kaj demandis: »Vi estas lingvisto?« Mi diris: »Tion vi vidas el mia artikolo«.

Kaj li presis mian artikolon... preskaŭ post unu jaro. Li estis progresulo. Aliaj redaktoroj, post kvardek sep jaroj, ankoraŭ nun ne scias pri Esperanto. Sed en mia traktaĵo mi antaŭvidis ankaŭ ion alian: nome, ĉiujn malsaĝaĵojn, kiujn oni povus elŝovi kontraŭ Esperanton kaj kontraŭ artefaritajn lingvojn kaj ĉiujn mi disbatis per lingvistaj argumentoj. Tio tute ne malhelpas, ke post miaj multjaraj bataladoj poresperantaj en Varsovio kaj Peterburgo — ankoraŭ post la morto de nia kara Majstro, ĉe kies tombo mi havis honoron kune kun mia amiko, la kara Najtingalo esperanta, Grabowski, esprimi la funebran doloron de l' tutmonda esperantistaro, pro nia neesprimebla perdo — ja, ankoraŭ hodiaŭ, ĉiuj, tiuj malsaĝaĵoj kontraŭesperantaj vivas en la buŝoj kaj gazetoj de niaj obstinaj kontraŭuloj. Ĉar la genio estas vere senmorta, sed la homa malsaĝo estas ankaŭ — perfekte senmorta! Kiu triumfos?! — mi ne scias...

Varsovio, novembro 1934.

— Poste venis la rekono de la sama rajto por la spirito; la devigado rilate religian kredon malaperis.

— Antaŭ 350 jaroj, Grotius, trovinte la ekzistadon de la »Rajto de la Popoloj«, ne estis tute certa, ĉu la trovita de li regularo devos validi ankaŭ por nekristanaj nacioj. Pri tiu dubo de la eminenta, tre etika holanda juristo, la nunaj etikuloj kompateme ridetas.

— La granda franca revolucio alportis egalecon de ĉiuj rilate la Leĝon; 100 jarojn poste la amerika profeto Bellamy, en sia verko »Looking Backward«, priskribis la egalecon de ĉiuj rilate »Laboron«, kaj nuntage ni proksimiĝas al ĝia realiĝo per novaj societformoj.

— La virino emancipiĝis, kaj jam preskaŭ egalrajtiĝis kun la viro.

— La Oriento vekiĝis, kaj la koloraj rasoj proklamas kaj parte jam montras sian egalvaloron en la okcidenta mondaranĝo.

— Antaŭ tricent jaroj, la mezklasulo trovis tute normala la arogan malhumilecon de la altklasuloj, antaŭ cent jaroj li ankoraŭ kolere toleris ĝin, en niaj tagoj ili ne plu kuraĝas ĝin montri, kaj la limoj inter la klasoj malklariĝas pli kaj pli.

Vere, bone kompreneblan lingvon la historio parolas!

Kiu mense vidas tiun evoluon tra la jarcentoj, ne povas ne vidi, ke ni vivas dum profunda refalo.

Certe, la monstre kreskiĝinta Egoismo, la multflanka ennacia Malunueco, sociale kaj ekonomie same kiel religie kaj politike, plue la ĝenerala ŝovinismo kaj internacia Malfido signifas, ke ni troviĝas en profundaĵo de la homara evolua linio!

Nu, ni certe ne povas ĝuste prijuĝi la efikan valoron de Esperanto, destinita por esti ilo ĉe evolua irado, laŭ ĝia efiko tiama, kiam la evoluo kelktempe haltis, eĉ ŝanĝiĝis en malon.

Ne, la Majstro ne eraris.

Zamenhof ja ne fiksis la daton kaj horon por la detruo de la muroj inter la popoloj? Nu do!

Cetere, ni jam vidas la homaran irantaron prepari la reprenon de ĝia evolua antaŭenmarŝado; jam lumas tagiĝo de pli bonaj tempoj.

Por kompreni tion, ni devas pli precize difini la nunan refalon kaj ĝiajn kaŭzojn.

Kio okazis en la pasinta duonjarcento? La naciaj unuaĵoj perdiĝis!

La social-ekonomiaj eraroj, faritaj en tiu periodo, forigis ilin.

En la nova mehanikigita, akcelita produktado-procedo, kiun inaŭguris la praktika utiligo de la vapormaŝino ĉirkaŭ 1860, la ĉiopova Kapitalo, konservante por si siajn profitojn, kaj la nur-beatiga Individualismo, laŭ la devizo »ĉiu por si mem«, kreante monstran egoismon, perdigis la naciajn unuaĵojn.

Pro nekontentigaj materiaj vivkondiĉoj, kaj pro forta sociala maljusteco, tro multe da homoj havis nenian kaŭzon senti kundependecon kun siaj samlandanoj, nek amon al sia lando, nek emon ĝin servi aŭ defendi.

El tio naskiĝis la nunaj akraj socialaj kaj politikaj disiĝoj kaj malunuecoj, kiuj perdigis la naciajn unuaĵojn.

Sed, feliĉe, la mizero-patrino, la individualisma kapitalismo, naskante la mizerojn per nesufiĉaj rekono kaj rekompenco de la faktoro »Laboro« en la produktadprocedo, samtempe fosis sian propran tombon.

Ĝi nesufiĉe kreskigis la aĉetpovon de la amaso, kaj tiel preparis la nunan krizon, kiu funde nur estas la nekapablo de la homaro rentumigi la kapitalon, ĉar la amaso ne povas en sufiĉa grado aĉeti ĝiajn produktojn kaj servojn.



B. Blau-Bán *Juna laboristo*

La priskribita procezo kaŭzis la nuntempan plivigliĝon de la nacionalismo; la nacieca instinkto de sinkonservo vekis ĝin, kaj, ĉar instinktoj ĉiam troigas, akrigis ĝin ĝis ŝovinismo.

La naciajn unuaĵojn ripari kaj fortike rebazi, jen nun la tasko de la naciaj fortoj.

Nu, ni povas fidi ke ĝi en tiu aŭ alia formo baldaŭ sukcesos, uzante la helpon de la sekvantoj de la individualisma kapitalismo, la novajn *kolektivemajn, egaligemajn* reĝim-kaj societformojn, kiuj forigas kun la malsano ankaŭ ĝiajn kaŭzojn.

Tiam la homara evoluo denove marŝos antaŭen, kaj *Esperanto estos vere nemalhavebla, pli multe ol iam antaŭe ĝi estis.*

Ja, *nur* la psika evoluado haltis kaj regresis, tute *ne la materia.*

En materia kaj ekonomia senco, male, la evoluo al unueco progresis pli rapide ol iam antaŭe okazis. Tion kaŭzis la bona flanko de la Individualisma Kapitalismo. La mirakle rapidaj progresoj materiaj dum la pasinta duonjarcento, la sennombraj eltrovoj de la fiziko, ĥemio kaj mehaniko, kaj la admirindaj eltrovaĵoj de la tekniko, forigante distancon laŭ tempo kaj loko, fakte jam efektivigis la materian unuecon kaj ekonomian kundependecon de ĉiuj terloĝantoj.

Vere, ni ne malesperu ĉar Esperanto ne kapablas lumigi la nigran profundaĵon, en kiun la homaro kelktempe devojiĝis.

Ĉu estas racikonforme, postuli ke nia juna lingvo povu tion fari, kion la maljunegaj Religio kaj Etiko ne kapablis efektivigi?

La homaro baldaŭ sopiros nian belan »pacan armilon« por rapide ripari la ĝustan proporcion inter la psika kaj la materia partoj de sia evoluo.

Ni simple bontenu kaj poluru ĝin, por ke ĝi estu preta kiam bezone.

# La veturigisto

— Hans Weinhengst —

Tridek ses el siaj kvindek kvar vivjaroj Ferdinando Nerapido pasigis kiel veturigisto. Dum la lastaj dudek unu li vartis kaj kondukis la ĉevalojn de la transportentreprenisto Mallanto.

Ferdinando amis sian profesion kaj la ĉevalojn. Li konis siajn bestojn, kiel patrino konas siajn infanojn. Li sciis iliajn kutimojn, bonecojn kaj malfortojn. Se unu el ili foje ekmalsanis, li tuj rimarkis tion, venigis kuraciston kaj flegis la malsanulon, ofte kaj volonte oferante sian liberan tempon senpage. Li prefere faris superhorojn senkompense kaj veturis, se necese, duan fojon koste de sia ripoztempo, ol foje troŝarĝi la veturilon kaj tropenigi la ĉevalojn. Neniam li uzis vipon. La plej fiera tago en lia vivo estis, kiam foje la gazeto enhavis lian bildon kun artikoleto titolita: Modela veturigisto, en kiu oni laŭdis lin kiel »bestamikon« kaj menciis lian tridekjaran deĵoradon en la profesio.

»Siajn« ĉevalojn li kutimis bapti per belsonaj nomoj. La lasta paro, kun kiu li laboris, ekatentis al la nomoj »Pegazo« (Ferdinando estis aŭdinta de iu, ke tiel nomiĝis fabela poezia ĉevalo) kaj »Merkuro« (laŭ fama ĉevalo venkinta en pluraj gravaj vetkuradoj).

Kun Pegazo kaj Merkuro li speciale amikiĝis. Ili estis — laŭ li — la plej bonaj tirĉevaloj en la tuta lando. Ĉe ili serĉis kaj trovis konsolon, kiam li perdis sian edzinon post dudektrijara harmonia kunvivo. Kun ili li pasigis multajn dimanĉajn kaj festotagajn horojn, de kiam li estis vidvo. Ĉar li estis unu el la tre malmultaj veturigistoj, kiuj ne ŝatis sidi en gastejo kaj drinki.

Li estis trankvila, flegma viro. Tamen li povis surprize koleriĝi vidante, ke iu brutalis kontraŭ bestoj, speciale se iu kolego batis ĉevalojn jungitajn antaŭ troŝarĝita veturilo. »Ĉion necesan oni devas atingi per bona trakto kaj pacienco« li kutime diris en diskutoj kun kolegoj, kiuj asertis, ke ili ne povus malhavi vipon.

Pro ĉio ĉi lia maljuna sinjoro tre ŝatis Ferdinandon Nerapido kaj sciis taksi liajn servojn. Lia filo, la juna Mallanto jam kiel knabo ofte veturis kun Ferdinando sur la veturigista sidloko. Tial ili iom malfacile decidiĝis sekvi al la konsilo de bona amiko kaj vendi ĉevalojn kaj veturilojn por anstataŭigi ilin per pli moderna trafikilo, per aŭtomobilo. Sed negoco ja estas negoco kaj profito por entreprenisto finfine pli gravas ol feliĉo aŭ malfeliĉo eĉ de plej bona servisto. La bona amiko demonstris al du sinjoroj Mallanto, ke la konservad- kaj aliaj kostoj por aŭto estas malpli altaj ol tiuj por ĉevaloj; ĉi tiuj povas malsaniĝi, bezonas varton kaj nutron, eĉ se dum tuta monato oni ne laborigas ilin, ktp., ktp. Cetere oni povas per aŭtomobilo transporti pli dum unu tago ol per ĉevaltirata veturilo dum tuta semajno. Ĉevaloj entute elmodiĝas kaj oni ja devas paŝadi kun la progreso!

Malagrable estis al la sinjoroj komuniki sian decidon al la longjara fidela servinto Ferdinando, kvankam ili havis konsolon por li: li ne estos maldungata, oni havos alian okupon por li. Kiam fine la juna Mallanto per singardaj vortoj informis la veturigiston, li mem estis tuŝita pro la efiko: Nerapido aspektis dum momentoj kvazaŭ li estus trafita de apopleksio; li paliĝis, rigidiĝis kaj devis firmteni sin por ne fali. Kiam li iomete refortiĝis, li klopodis persvadi la sinjoron lasi almenaŭ lian ĉevalparon, Pegazon kaj Merkuron, ne anstataŭigi ilin per aŭto, kaj li parolis mirinde elokvente:

»Ĉevaloj tamen estas ĉevaloj, vivaj estaĵoj kun okuloj kaj prudento. Se foje la homaj sensoj nebone funkcias, tiam la sanaj instinktoj de la ĉevalo evitas akcidenton. Sed motorveturilo? Kiom da kunpuŝiĝoj, mortpremoj kaj alispecaj akcidentoj okazadas! Kiom ofte miaj ĉevaloj jam fortiris nefunkciantan aŭtomobilon de ie, kie ĝi malhelpis la trafikon! Kaj mi dubas, ĉu la nutraĵo por ĉevalo pli kostas ol benzino kaj oleo por tia stinkveturilo. Ĝi pli rapide kuras, jes. Sed ĉu tio por vi tiom gravas, sinjoro? Ĉu gravas, ŝpari duonan aŭ eĉ tutan horon en unu veturo, se oni poste devas atendestari iufoje du-tri horojn antaŭ fervoja aŭ dogana magazeno aŭ antaŭ negocejo?«

Kaj viaj ĉevaloj, sinjoro! Ili estas kvazaŭ kanto! En la tuta urbo oni envias vin pro ili.«

La sinjoro ja tuŝate kaj flatate aŭskultis.. Li sufiĉe estis homo por kompreni la afliktiĝon de la veturigisto, kiu kun tia amo kroĉiĝis al la ĉevaloj kaj nun devos disiĝi de ili. Ĉevaloj nun entute malmultiĝas kaj estas tre dubinde, ĉu Ferdinando, ne plu juna, refoje trovos postenon kun ĉevaloj. Do li adiaŭos de la bestoj verŝajne por ĉiam. Tial la sinjoro tre kompatis lin.

Tamen negoco nuntempe ne permesas sentimentalajn konsiderojn. Li ja faras, kion li povas, por la maljunulo: li proponas al li postenon de kunveturanto sur la aĉetota ŝarĝaŭto. Akceptante tion Ferdinando evitos maldungiĝon.

Sed ĉi tiu nee skuis sian kapon. Tiam la juna sinjoro bedaŭre levetis la ŝultrojn kaj diris:

»Nu, pripensu la aferon ĝis lundo, Ferdinando! Ni tre bedaŭrus, se vi, kiu tiom longe kaj bone servis al nia firmo, kaj ankoraŭ longe kaj bone povus servi, forirus de ni.«

Ordono, ke li por la tago de la vendo metu la



B. Blau-Bán *Maljuna virino*

# IKSIONO EN LA ĈIELO

**— Benjamin Disraeli, Grafo de Beaconsfield —**
*(1804—1881)*

**El la angla lingvo tradukis George Gordon**

PARTO UNUA.

I.

La tondro ĝemis, la vento muĝegis, la pluvo sible falis en torentoj, nepenetrebla mallumo kovris la teron.

Blua, forta ekbrilo de fulmo ĵetis momentan lumon sur la pejzaĝon. Dora templo staris en la mezo de malgranda, verda ebenaĵo, ĉiuflanke ĉirkaŭita de montoj kovritaj de verdaj arbaroj.

— Jupitero estas mia sola amiko, — diris vagulo, ĉirkaŭvolvante sin per sia mantelo, — kaj mi pensas, ke se ne estus la portiko de lia templo, la nuna nokto kompletigus la faron de miaj amanta edzino kaj lojalaj regatoj.

La tondrado iom post iom malfortiĝis kaj fine ĉesis, la vento silentiĝis, la pluvo ne plu falis, kaj tra la disiĝantaj nuboj aperis la brila, kreskanta, juna luno. Sonora, majesta voĉo aŭdiĝis sin el la ĉielo:

— Kiu estas vi, kiu ne havas amikon krom Jupitero?

— Iu, kiun la tuta homaro unuanime nomas monstro.

— Ĉu vi estas filozofo?

— Se la filozofio estas suferado. Sed cetere, iam mi estis reĝo, sed jam estas vagulo.

— Kiel oni vin nomas?

— Iksiono el Tesalio.

— Iksilono el Tesalio! Mi pensis, ke li estas feliĉa homo. Oni sciigis min, ke li ĵus edziĝis.

— Patro de la dioj kaj homoj! Ĉar mi kredas, ke tio vi estas, Tesalio ne estas Olimpo. Edzeca feliĉo estas la loto de la senmortuloj solaj!

— Hm! Kiel! Ĉu Dia estis ĵaluza, kio estas ordinara; aŭ malfidela, kio estas pli ordinara; aŭ ne nur ĵaluza, sed ankaŭ malfidela, kio estas plej ordinara?

— Eble nek ĵaluza, nek malfidela. Ni malpacis pri nenio. Kie estas aŭ malmulte aŭ tro multe da simpatio, tie la plej sensignifa bagatelo sufiĉas por kaŭzi familian tragedion. Mi estis nekonsiderema, ŝiaj amikoj nomis min senkora. Ŝi estis indiferenta, ŝiaj amikoj nomis ŝin grandanima. La opinio de la tuta publiko favoris ŝin, nur pro tio, ke mi volis, ke la mondo ne enmiksu sin en la aferojn de mi kaj mia edzino. Dia akceptis la konsilon de la mondo en ĉiu afero, kaj la mondo decidis, ke ŝi ĉiam agis prave. Tamen tia sama estas la vivo en palaco kaj en kaverno. Mi estas kontenta, ke vi ordonis, ke ne plu tondru.

— Jen homo de neperdebla sereno. Kaj Dia forlasis vin?

— Ne; mi forlasis ŝin.

— Kiel, senkuraĝa!

— Ne tute. La vero estas... la historio estas longa. Mi estis en ŝuldoj ĝis super la oreloj.

— Ha! tio klarigas ĉion. Nenio tiel turmentas, kiel manko de mono. Sed kiel vi, mortemuloj, estas feliĉaj pro viaj biloj ne pagendaj ĝis ricevo de hereda bieno! Ni senmortuloj ne posedas tian rimedon. Mi devis aranĝi ribelon kontraŭ la patro pro tio, ke lia mondonado al mi ne estis sufiĉa, kaj li ne povas morti.

— Vi povus edziĝi pro mono. Mi faris tion.

— Tio ne estis ebla ĉe mi, ĉar en tiu tempo estis tre malmultaj konindaj diinoj. Kiam mi eniris la societon, tute ne estis heredantinoj krom la tri Parcoj por ĉiam destinitaj resti maljunaj fraŭlinoj: kaj ne estis riĉegulinoj krom mia avino, la maljuna Tero.

— La ĝusta persono; ju pli maljuna des pli bona. Nu, mi edziĝis kun Dia, la filino de Deioneŭs, kun grandega doto; sed post la edziĝa ceremonio ŝia

---

ĉevalojn en speciale bonajn staton kaj aspekton, superfluis. Ferdinando ja ĉiam zorgis, ke la bestoj kaj la veturiloj brilu. Klare do, ke li prizorgos ilin eksterordinare por la lasta elmontro.

La nokton de dimanĉo al lundo li pasigis ne en sia hejma lito, sed sur la primitiva kuŝejo en la stalo. La tutan dimanĉon li apenaŭ foje disiĝis de siaj zorgatoj. Multe li sidis sur kesto apud ili kaj dronadis en malgajaj meditoj.

»Neniam plu mi estos ĉe ĉevaloj!« Ferdinando re- kaj refoje diris al si. »Kiu ja dungos tiel aĝan veturigiston? Ĉevaloj ĉiam pli malmultiĝas. Ili devas cedi al la malbenitaj stinkveturiloj. Nu, mi ne scias, ĉu mi tion transvivos.«

Dume liaj ĉefoj, patro kaj filo, marĉandis kun aŭtomobilnegocistoj kaj ree kaj ree priparolis la decidan paŝon. Ili kalkulis, konsideris kaj demandis persone kaj telefone konatulojn pri ties opinioj kaj spertoj kaj fine venis al la konkludo: ni *ne* vendu la ĉevalojn de Ferdinando Nerapido, sed nur la alian paron. Anstataŭ tiu ni aĉetos triradan aŭtomobilon por speciala rapidekspedo de urĝaj liveraĵoj.

Pri tiu decido la juna Mallanto volis informi Ferdinandon ankoraŭ samvespere, kiam li hazarde preteriris lian loĝejon. Sed la veturigisto ne estis hejme, ĉar li ja intencis pasigi la nokton ĉe la ĉevaloj.

Lunde matene la juna sinjoro pli frue ol kutime iris al la negocejo. Li estis gaja. Fajfante li trapaŝis la grandan korton rekte al la stalo. Li ĝojis pri tio, ke li povas alporti la bonan informon al la veturigisto. Kaj li antaŭĝuis ties kortuŝan ĝojon pri ĝi.

Ankoraŭ neniu estis sur la korto, sed Mallanto ne dubis, ke Ferdinando, kiu ĉiam estis la unua en la ĉevalejo, jam troviĝas en la stalo. Malfermante la pordon, la sinjoro jam kriis:

»He, Ferdinando, bona sciigo!«

Nenia respondo. Nu? Ĉu la viro ankoraŭ ne ĉeestas? Ĉu li ien iris? Aŭ eĉ malsaniĝis pro malĝojo? Tiaj aferoj laŭdire okazas. Sed hieraŭ vespere li ne estis hejme: eble li en sia malĝojo drinkis sin ebria, tute kontraŭe al sia kutimo. Tre afliktita li ja ŝajnis sabate. Nun li eble kuŝas hejme, fordormante sian ebrion. Aŭ eble eĉ ĉi tie en la stalo.«

Mallanto opiniis ekaŭdi ronkon. Li do tute enpaŝis la stalon kaj kutimiĝinte iomete al la malhelo kaj la akra odoro, li ĉirkaŭrigardis. Subite li resaltis kun ekkrio.

Desur plafona trabo, en malhela angulo, pendis Ferdinando...

patro ne volis plenumi sian parton de la kontrakto, escepte se mi konsentos ne plu teni kurĉevalaron. Ĉu vi povas imagi ion pli senracian? En la komenco mi regis mian indignon; ĉar, por diri la veron, la komercistoj, kiuj min provizadis, pro la edziĝo donis al mi pluan krediton, kaj tial en la daŭro de unu jaro ĉio iris bone al mi; sed fine la komercistoj komencis flari raton kaj fariĝis preme postulemaj. Mi petegis Dian, ke ŝi sin intermetu; sed ŝi estis modelo de bonaj filinoj kaj ĉiam estis partiano de sia patro. Se nur ŝi estus lojala al sia edzo, ŝi estus perfekta virino. Fine mi invitis Deioneŭs'on al la ĉevalkuroj ĉe Lariso, celante lin pacigi. La malvirta maljunulo aĉetis la ĉevalon, sur kiu mi metis mian monon, kaj per kiu mi esperis regajni miajn perdojn, kaj li ne permesis, ke ĝi kuru. Tio ruinigis mian vetlibron. Mi kaŝis mian koleron. Mi fosis kavon en mia ĝardeno kaj plenigis ĝin per ardanta karbo. Post la ĉefmanĝo, dum mia bopatro kaj mi promenis, la inda Deioneŭs falis en la kavon, nur akcidente. Dia akuzis min, ke mi estas murdinto de ŝia patro, kaj petegis siajn regatojn, ke, por kontentigi ŝian vunditan senton, ili senkapigu ŝian edzon. Certe ŝi estis bonega filino. Tute ne estis eble, ke mi samtempe staru kontraŭ la opinio de la publiko, furioza popolaĉo kaj grandanima edzino. Ili ĉirkaŭigis mian palacon per soldataro; per mia glavo mi trahakis al mi vojon tra la amaso da malpurĉapeluloj kaj sukcesis atingi la kortegon de proksima regno, kie mi petis, ke miaj kunprincoj senkulpigu min pri la supozata murdo. Se mi estus murdinta nur regaton, ili helpus min kontraŭ la popolo; sed pro tio, ke Deioneŭs estis kronita same kiel ili, ili anoncis, ke ili ne volas subteni tian malvirtulon, kia estas lia bofilo. Tial, Jupitero, mi, malakceptite de la tuta homaro, post multa vagado trovas min ĉi tie en societo tiel alta, ke neniam mi esperis miksiĝi en ĝin.

— Nu, vi parolas malkaŝe, kaj estas en sufiĉe malbona situacio. La dioj devas kompati tiujn, kiujn kompati la homoj ne volas. Estas evidente, ke la tero nuntempe estas tro varmega por vi, tial mi pensas, ke prefere vizitu nin en la Ĉielo kaj restu ĉe ni kelke da semajnoj.

— Granda Jupitero, akceptu mian dankon anstataŭ hekatombo. Vi ja estas dio!

— Mi iom dubas, ĉu plaĉos al vi nia maniero de vivo. Ni ĉefmanĝas ĉe la sunsubiro, ĉar Apolono estas tiel multe okupita, ke li ne povas aliĝi al ni pli frue, kaj la ĉefmanĝo neniam iras bone en lia foresto. Matene vi estos via propra estro kaj devos amuzi vin laŭ via bontrovo... Diana provizos al vi iom bonan sporton. Ĉu vi pafas?

— Neniu pafas pli trafcertan sagon. Ne ĝenu vin pri mi, Ajgiohos. Mi ĉie sentas min hejme. Sed kiel iri al vi?

— Mi sendos Merkuron; li estas la plej bona kunvojaĝanto en la mondo. He, vi, ho! mia aglo!

La nuboj kuniĝis, kaj mallumo fariĝis sur la tuta tero.

## II.

— Tiele! paŝu kviete. Ne estu nerva. Ĉu vi estas malsana?

— Iom da naŭzo. Ĝi estas nenio.

— La noveco de la movado. La plej bona kuracilo estas bifsteko. Ni haltos ĉe Taŭrido kaj manĝos tian.

— Vi multe vojaĝadis, Merkuro?

— Mi ja vidis la mondon.

— Ha! mirinda spektaklo. Mi sopiras vojaĝi.

— Ĝi nur estas sama afero ofte kaj multfoje ripetata, Malmulte da noveco kaj multe da ŝanĝo. La energio lacigas min, kaj se oni pensiumus min, mi eksiĝus.

— Tamen la vojaĝado naskas saĝon.

— Ĝi liberigas nin de zorgoj. Vidante multe, ni sentas malmulte kaj sciiĝas, kiel bagatelaj estas ĉiuj grandaj aferoj, kostantaj al ni tiel multe da zorgado.

— Mi mem jam sentas tion. Dum mi naĝas en ĉi tiu blua etero, kio, al la diablo, estas por mi mia edzino kaj ŝia malpura tero! Miaj persekutantaj malamikoj estas kvazaŭ samnombro da malbonodoraj formikoj; kaj rilate al miaj ŝuldoj, kiuj okazigis al mi tiel multajn malfeliĉajn momentojn, ŝajnas al mi, ke egale ridindaj estas la honoro kaj malhonoro, kredito kaj senmoneco.

— Via menso malvolviĝas, Iksiono, baldaŭ vi fariĝos mondulo. Maldekstren, kaj ne koliziu kun tiu stelo.

— Kiu loĝas tie?

— La Fatoj scias, mi ne. Iuj de malalta deveno, penantaj per brilado altiri al si atenton. Ĝi estas nova planedo kaj ĵetiĝis en la spacon ankoraŭ en la nuna jarcento. Ni Olimpanoj ne vizitas ilin.

— Kompatinduloj! Mi sentas min malsata.

— Nu, ni eniros la Ĉielon antaŭ ol sonos la ĉefmanĝa tondro. Ne estas eble alveni nepropran domon



B. Blau-Bán *Staranta laboristo. Desegno.*

en pli bona momento. Ni havas ne pli ol sufiĉe da tempo por nin vesti. Mi konsilus, ke vi ne difektu la apetiton per lunĉo. Jupitero havas bonegan kuiriston.

— Mi aŭdis paroli pri la nektaro kaj ambrozio.

— Pu! neniu tuŝas ilin. Ili estas tre malnovmoda Ĉiela nutro, kaj oni jam nur metas ilin sur la flanktablo. Nuntempe Inferaj kuiraĵoj solaj plaĉas en Ĉielo. Ni prenis nian ĉefkuiriston de Prozerpina.

— Ĉu iam vi vizitis la Inferon?

— Kelkfoje. Nuntempe la Olimpanoj havas la modon pasigi tie la vintron.

— Ĉu la nuna estas la sezono por loĝado en la Ĉielo?

— Jes. La sorto favoras vin. Olimpo estas tute plena.

— Jupitero estis tre kompleza, ke li invitis min.

— Jes! li havas bonajn punktojn, kaj certe estas, ke li sentas plaĉon pri vi. Ĝis ia grado tio estas bona, tamen vi vin gardu. Li estas tute senkora, kaj estas tiel kaprica, kiel li estas tirana.

— Dioj ne povas esti pli senkoraj al mi, ol estis la homoj.

— Ĉiuj, kiuj suferis, pensas, ke ili spertis la plej malbonan. Granda eraro. Tamen vi jam estas sur la ĉefa vojo al pli bona stato, tial ni ne estu malgajaj. Inter ni dioj estas ankaŭ boneguloj. La maljuna Neptuno plaĉos al vi.

— Ĉu li nun estas tie?

— Jes, li ordinare pasigas la someron ĉe ni. En tiu ĉi sezono ne estas multo bezonanta atenton en la oceano.

— Mi tre deziras vidi Marson.

— Ho! brutulo, plie tirano ol heroo. Ne en la plej bona societo. Nuntempe tiuj lipharaj sinjoroj tute ne estas tre alte taksataj en Olimpo. Ĉiuj diinoj estas literaturemaj, kaj Minerva tute eklipsis Veneran. Apolono estas nia heroo. Tralegu lian lastan verkon.

— Mi malamas la legadon.

— Mi ankaŭ, mi ne havas tempon por ĝi, kaj nur malofte mi faras ion tiuspecan krom tio, ke mi trakuras per okulo ĵurnalon. La studado kaj la agado ne bone iras kune.

— Mi supozas, ke mi trovos la diinojn tre fieraj.

— Vi trovos ilin tiaj, kiaj vi trovis la virinojn sur la tero; ili havas diversajn karakteraĵojn sed nur unu celon. Venera estas flirtulino; Minerva prudulino, kaj imagas, ke ŝi havas ĝustan guston kaj fortan intelekton Junona estas politikistino. Pri la cetero — nu, senkuraĝulo neniam gajnis belulinon, akceptu amikan konsileton kaj ne timu.

— Mi timas nenion. Mia spirito altiĝas kun mia fortuno. Ni estas super la nuboj, kaj malsupre de ni el ili formiĝis vasta, neĝa regiono, neklare difinita, neregula, kiel mi iufoje vidis kolektiĝintajn nubojn ĉe sunsubiro sur la rando de la horizonto, similantajn furiozan maron, kiun rigidigis ia subita nenatura frosto kaj glaciigis en formon! Kiel hela estas la aero super ni, kaj kiel delikata estas ĝia bonodora spiro! Mi apenaŭ spiras, tamen miaj pulsoj batas kiel en frua juneco. Apenaŭ mi sentas mian estadon. Via korpo brilegas. Via aspekto ja estas tiu de dio! Ĉu mi estas tiel radiluma? Ĉi tio, ĉi tio estas la Ĉielo.

III.

La vojaĝantoj haltis sur granda ŝtuparo el fajreranta, lazura ŝtono. Supreninte ĝin, ili eniris belajn ĝardenojn, tie estis serpentantaj vojetoj, elastaj sub la piedoj, kaj akcelantaj la iradon per sia risorteco; bonodoraj arbustoj, kovritaj de helkoloraj floroj, kies nuancoj ŝanĝiĝis ĉiun momenton; aroj da altaj arboj kun strangaj birdoj de hela kaj mikskolora plumaro, kantantaj kaj ripozantaj en la briletanta foliaro; tie kaj ĉi tie ŝprucis fontanoj de parfumoj.

Antaŭ ili leviĝis senlima ora palaco kun altaj, larĝaj kupoloj el perlamoto kaj longaj fenestroj el kristalo. Cirkaŭ la grandega, rubena portalo estis vico de flugilaj genioj, kiuj ridetis al Merkuro, dum li trapasis inter ili kun sia kondukato.

— La patro de la dioj kaj homoj nun sin vestas, diris la filo de Maja. — Mi iros al lia tualetejo kaj sciigos lin pri via alveno. Jen estas via ĉambraro. La ĉefmanĝo estos preta post duono da horo. Irante malsupren, mi venos por vi. Oni povas formale prezenti vin dum la vespero. Tiam, inspirite de liaj likvoroj kaj senegala muzikistaro de blovinstrumentoj, vi konsentos kun la mondo, ke ne ekzistas tiel perfekta dio, kiel Ajgiohus. *(Daŭrigota.)*

## AŬTUNO

— A. de Lamartine —

*Saluton! Arboj gloraj pro lasta verdo krona,*
*Ekflavaj foliajoj tra l' kampoj nun sen flor'.*
*Saluton! lasta belo! Funebro ĉi-sezona*
*Rigardon mian plaĉas kaj dolĉas al dolor'.*

*Mi paŝas, paŝas reve sur vojo apudvala,*
*Solece kaj plezuras, lastfoje, sen amar'*
*Admiri sunon, kies malforta lumo pala*
*Apenaŭ eĉ penetras malhelon de l' arbar'.*

*Kaj tamen, kiam regas natur' en svena spiro,*
*Mi sentas pli-intimon en ĝia muta vort'.*
*Ĝi estas de amiko la kara lasta diro,*
*Sur lipoj, kiujn fermos por ĉiam raba mort'.*

*Kaj same ĉe l' forlaso de l' horizonto viva,*
*Plorante de l' estinto l' esperon tiam for,*
*Mi turnas min ankoraŭ ĉe l' vojo findekliva,*
*Kaj bonojn mi rigardas kun vebedaŭra plor'.*

*Ho! Tero, suno, valoj, naturo dolĉa, bela,*
*Ĉe mia tombo preta, jen al vi mia larm'.*
*Ho! kiom pure gloras aero, ĉio hela,*
*Kaj kiom karaj estas la suno-bril' kaj -varm'.*

*Mi volus nun eltrinki ĝis la maldolĉa fundo*
*Kalikon de la vivo, en kiu kun kruel'*
*Miksiĝas la amaro eĉ al nektarabundo...*
*... Kaj eble, eble restis guteto da miel'.*

*Kaj eble min atendis, eĉ preter tempo-limo,*
*Momento de feliĉo — espero fora, nun —*
*Ho! eble en la mondo, anim', ia animo*
*Min estus kompreninta en harmonia kun'.*

*Falanta floro lasas parfumon al zefiro;*
*Al vivo kaj al suno, jen ĝia lasta don',*
*... Mi mortas, kaj l' animo per mia lasta spiro*
*Forflugas kiel trista kaj melodia son'!*

El la franca: **Juliette Baudin**



# OBSERVO

ĈE NOBELFESTO EN STOKHOLMO. Jam monaton antaŭ la disdonado de l' Nobel-premioj ni povis legi en la ĉefurbaj gazetoj, ke la literaturan premion ricevis Pirandello. Kelkaj gazetoj simple registris »la neŝanĝeblan fakton«, aliaj aldonis komentariojn pli-malpli amikajn. Ja estas malfacile decidi laŭ ĉies gusto. Iu stokholma gazeto jene raportis pri la evento:

»Pirandello ricevis eniron en la regnon, kie polvokovritaj laŭrokronoj seke bruetas kaj la memorparoladoj kuŝas jam de jaroj prete skribitaj. La itala verkisto estas do la laste alveninta balzamota kandidato en la mumiofako de onklo Nobel... Ĉe kongreso en Vieno oni proponis malpermesi eldonadon de libroj dum certa tempo (ĉu ne sekvinda ekzemplo por Esperantujo?), intertempe la Nobelpremio povus ripozi kaj kreski, kreski...«

Mi ne hontas konfesi, ke mi konas Pirandellon pli laŭ liaj libroj ol de la teatro. Precipe liajn novelojn. En kiuj la problemoj de l' vivo renkontiĝas kun tiuj de l' morto, peza atmosfero regas preskaŭ ĉie, ja la plej kutima scenejo de liaj noveloj estas la tombejo. Mi ŝatas la vivon...

Dank' al la afableco de la sveda eksterafera ministerio, mi ricevis eniran karton al la »plej grava festo de l' jaro«. La Nobelfesto okazis en la Koncerta domo, en la sama salonego, kie la solena malfermo de nia mondkongreso. Sed tiam somera suno riĉe disĵetis siajn radiojn ekstere, nun pluvas-pluvas-pluvas, el la 500-milimetra jarporcio Stokholmo ricevis dum unu monato 99 mm. Tamen la pluvo ĝentile ĉesas por momento antaŭ la 5-a horo, kaj sur la Fojnplaco amasiĝas aro da interesemuloj senbiletaj. En la malhela posttagmezo mistike flagras la torĉflamoj sur la kolonegoj de l' Koncerta domo. Desupre ankaŭ reflektoj ĵetas malvarme bluan lumon elektran. Legaciaj kaj privataj aŭtoj haltas unu post la alia antaŭ la enirejo. Dek minutojn antaŭ la 5-a, preskaŭ ĉiuj lokoj estas okupitaj en la festa salonego, laŭ la instrukcio presita sur la enirkartoj. Ĉe la fono de l' estrado, supre, bronza busto de Alfredo Nobel, ornamita per ora laŭrokrono. Bluflava sveda flagaro ĉirkaŭas la grandulon, kies rigardo ŝajnas esti direktita malproksimen, antaŭen en la estontecon. Se Nobel rigardus dekstren aŭ maldekstren, li vidus nur bonguste aranĝitan, rozkoloran girlandegon el begonioj sur la muro, ĉe la rando denove nur florojn: blankajn siringojn, helajn krizantemojn, ciklamenojn kaj diantojn. Se li rigardus malsupren, li vidus nordajn belulinojn junajn — kaj kelkajn malpli junajn edzinojn de akademianoj — en hele-bluaj, heleverdaj vespervestoj, sur la ŝultroj silkaj ŝaloj aŭ blankaj hermelinoj. Sinjorinoj sen ĉapelo (kaj memkompreneble ankaŭ la sinjoroj), laŭ la ricevita instrukcio. La ĉefan unutonecon festan tamen la sinjoroj donas al la ĉambrego per la blanka brilo de siaj frakĉemizoj. En la unuaj vicoj preskaŭ nur grizkapuloj, kun multkolora ordenaro, kvazaŭ en opereto. Esceptoj estas nur kelkaj junaj svedaj ministroj, kiuj per eleganta leviĝo salutas s-inon Kollontay, la reprezentanton de Sovjeto. Kvin minutojn antaŭ la 5-a envenas Selma Lagerlöf, lametante — ŝi ĉiam ankoraŭ suferas pro malnova infanparalizo — kaj okupas lokon kiel sola virino sur la podio, inter la pli fruaj svedaj kaj aliaj ĉeestantaj Nobelpremiitoj. Sia malhele bruna silkrobo eĉ pli akcentas ŝiajn neĝajn harojn. Sia mieno iom laca, sed la okuloj brilas vigle. Kiam la horloĝa montrilo sursaltas la ciferon 5, eksonas la trumpetoj de du svedaj maristoj, kaj la ĉeestantoj per leviĝo salutas reĝon Gustavon la 5-an, kiu per la freŝeco de 40—50 jarulo paŝas al sia loko; oni nevole revidas lian bildon, kiam li per elastaj raketmovoj fulme resendas la pilkon de l' partnero... Maldekstre de »Mr. G.« (lia kutima »inkognita« nomo en Svedlando) sidas la poeta princo Vilhelmo kaj pentrartista princo Eŭgeno, princino Ingeborg, dekstre la germandevena, ĉarma princino Sibylla en helblua vesto, kun sia edzo, princo Gustavo Adolfo, princo Karlo, la prezidanto de Ruĝa Kruco (multaj alilandaj princoj povus lerni de siaj »kolegoj« en Svedlando). La kronprinca familio mankas, ĝi forestas en la malproksima Persujo.

Post la festa muzika prologo de Lindberg, la prezidanto de la Nobelfondaĵo Hammarskjöld, faris enkondukan paroladon. Kiel ĵurnalisto, mi ricevis bonegan lokon, tute antaŭe, en la tuja apudeco de l' estrado, tamen estis iom malfacile kapti ĉiujn vortojn de la malforte parolantaj akademianoj. La kerno de la enkonduka parolado estis, ke progreso postulas oferojn. La antaŭeniro de l' homaro estas aĉetata per la sinofero de l' individuoj. Kaj se iufoje premio trafas scienculon aŭ artiston, tio volas simboli kronon por la laborado de multaj aliaj samcelaj klopodantoj. Tamen la homaro neniam povos plene premii siajn progresigantojn, kiuj dum la perfektigo de iu specialaĵo devas rezigni evoluigon de multaj aliaj flankoj de sia talento, kontentigon de alidirekta intereso. Sed la unuopuloj volonte donas sian grandan oferon por la komuna bono.

Post du partoj el D-mola koncerto de Vivaldi, profesoro Palmaer faris senfine sciencan kaj senfine interesan... paroladon por la kemia Nobelpremiito prof. Urey, kies reprezentanto, Steinhardt, la ministro de Ameriko, transprenis la premion (honordiplomon kaj ĉekon pri 162.000 sv. kronoj) el la manoj de la reĝo. Post antaŭluda kanto de Stenhammar parolis profesoro Holmgren, kiu, kontraste al siaj kolegoj, pruvis, ke oni povas esti oratoro kaj eĉ rajtas paroli simple kaj kompreneble, malgraŭ akademianeco. Li laŭdis la eltrovojn de l' amerikanoj Minot, Murphy kaj Whipple kiuj multe progresigis la kuracon de anemio per hepata nutraĵo. De tiom proza temo la uverturo de l' Beethoven-a Egmonto formis la ponton al la parolado de prof. Hallström, la prezidanto

## *AŬTUNA MELODIO*

*— Ludmila Jevsejeva —*

*Silentas park'. Aleo nigra mutas.*
*En forgesita laŭb' fantomas ombra lud'.*
*Aŭtun' sopire melodion flutas,*
*Melankolia sonas la prelud'.*

*Banale nuda Faŭno ŝtonigita*
*Satane ridas al falanta stel'*
*Laŭ leĝo de jarcentoj mortigita.*
*Nenio daŭras!... nek la viv', nek bel'.*

*Silentas park', nur sub piedo laca*
*Folioj flavaj flustras pri la mort'.*
*Nenio daŭras!... Faŭno dorme paca*
*Ridetas mute, sen kompata vort'.*

# EN 1887.

**(Plena teksto de l' profet-letero, skribita de Leo Belmont, al la Aŭtoro de Esperanto. Mi lasas la tutan tekston senŝanĝe — E. W.**

Estimegata Sinjoro,

Mi devas ekdiri mian penson, mi ne povas malliberigi mian skribilon, mi bezonas nun, en plej proksimaj vortoj, ekvoĉi al vi: »Vi venkos, sinjoro, vi venkos!« Kvankam blinda mondo ridetas kaj ridegas, per fingroj montras la »lingvofaristojn, la gramatikajn ekvilibristojn, la leĝdonantojn de tutmonda parolegaĵo«, kvankam Volapükanoj kaj Esperantanoj hodiaŭ ne unufoje ruĝiĝas je vangoj en praktika societo, kaŝas en anguloj de l' animo sian »sonĝeraron« aŭ eĉ faras sin »ridindaj«; kvankam iaj kritikuloj, genuiĝantaj nur antaŭ propra saĝeco aŭ antaŭ estinto, ne komprenantaj la estonton, ŝanceliĝas, la »saĝaj kapoj«; — kvankam, fine, multaj homoj ekbaros vian iradon kontraŭ Volapük, malgraŭ mil aliaj kaŭzoj kaj baroj, vi venkos, Sinjoro, vi venkos!

Mi nun, kun ĉiu tago, pli kredas, ke post mallonga tempo via lingvo eksonos en milaj buŝoj de l' unua fino ĝis dua fino de Eŭropo. Tiel facila ĝi estas, ke la plej granda parto de homoj ne komprenos vian laboron; jam hodiaŭ mi aŭdis: oni diris, ke vi donis nenion, ke vi nur ŝanĝetis la vortojn de lingvoj romanaj... kaj sciu Sinjoro — ha, vi mem tion scias — ke ĝi estas la plej granda laŭdo por vi, la homaro tion poste komprenos!

Kaj mi, mi estas feliĉa, ke jam hodiaŭ mi konas vian lingvon. Kiom da plezuro havas mi per ĝi! Mi pli kaj pli miras, ke per via vortareto oni povas eldiri tielan riĉecon da pensoj kaj pensonuancoj!

Mi ne kredis ankoraŭ hieraŭ, ke mi trovos tion, kion mi havas hodiaŭ. Ĝi ne estos superlaŭdo, se mi diros, ke en via lingvo oni povas ekkrei per facilaj rimedoj fortaĵon kaj malfortaĵon (egecon kaj etecon), kuraĝecon kaj ironion, fajrejojn kaj ombrejojn de pensoj, de sentoj, pli videble, pli kompreneble, pli senteble ol en la lingvoj naturaj; stilo tie ĉi estos kun tempo pli originala, pli nova, pli lakonika kaj pensoplena, brila, harmonia kaj sprita!

Mi ne povus al vi ĉion diri antaŭ okuloj, sed vi povas kredi al mi per via tuta koro. Kion mi skribas, mi skribas kun kredo kaj espero, kaj mi ne povas alie skribi, kiam mi vidas, ke mia plumo flugas, kuras kaj fluas sur papero kaj ankaŭ bone aŭdas miajn pensojn kaj ne trompas min!

Kaj ĉu mi tre ŝvitis aŭ tre enuis, eklernante vian lingvon?... Ne!... neniom!...

Ho! se la instruistoj de l' amaso, la geniaj homoj, la poetoj konus vian lingvon!! Mi, kiu hodiaŭ iom konas kelkajn aliajn lingvojn, mi jam havas multe pli larĝan horizonton!

La kreinto de bona lingvo internacia estas preskaŭ dua Gutenbergo: tiu ĉi donis flugilojn al homa penso, tiu detruas la lingvajn murojn, kiuj baradis la pensojn de la diversaj popoloj!

Kaj vi estas tia kreinto! Kvankam mi estas nek antaŭvidanto, nek estontparolisto (profeto), mi maltimas tion ekvoĉi:

Vi venkos, Sinjoro, vi venkos!

*Leo Belmont.*

(El »Pola Esperantisto« N-ro 8, Aŭgusto 1912.)

---

de la literatura fako en la Nobelkomitato, kiu direktis siajn vortojn al Pirandello.

Apud siaj scienculaj najbaroj malvarme senornamaj, sidas Pirandello plenornamita per ordenoj kaj ĉenoj. Lia mieno jen similas al tiu de pia episkopo, aŭ malvarma diplomato, jen al tiu de petola knabo (se la rigardanto sukcesas forgesi la sulkojn plugitajn de l' Vivo). Li enue frapetadas la scenejon dum la longega sveda parolado. Miaj stokholmaj kolegoj akre kritikis la troecon de svedlingvaj paroladoj kaj proponis uzi estontece »iun el la mondlingvoj«. Jes, sinjoroj, sed kiun? Ĉu vi salutos france la germanan premiiton aŭ angle la italon? Aŭ ĉu vi uzos anglan, francan, germanan, italan kaj-kaj-kaj kian? Ho, se vi estus bonvolintaj viziti unu el niaj someraj kunsidoj esperantaj!

Mi rigardas la interesan vizaĝon de Pirandello kaj repensas pri la 28-a de junio 1867, kiam en vilaĝeto Girgenti, apud la Adria maro, ekvidis la mondan lumon tiu, kiu 67 jarojn poste ricevas la Nobelpremion, la plej altan rekompencon, kiun literaturisto povas ricevi hodiaŭ. Ido de antaŭuloj jen aventuraj, jen revoluciaj, jen fajraj patriotoj, li heredis de siaj gepatroj pasian sangon. — Liaj pasioj trapasis la suferfiltrilon de l' vivo kaj forte respeguliĝas en liaj verkoj. — Kiel 14-jara knabeto, Pirandello enamiĝis vidvinan onklinon, kun kiu dumlonge kunvivadis mem lia patro, kuraĝa Garibaldiano, Stefano Pirandello. En tiu ĉi malegala vetbatalo la juna Luigi venkis sian patron kaj la onklinon oni devis rapide edzinigi al ia pajlofiguro. Sekve de l' familia skandalo, Luigi estis sendata al internulejo en Palermo. Sed la fajra sango de l' Pirandeloj ardis konstante en Luigi. Kiel 15-jarulo li enamiĝas 20-jaran knabinon kaj la gejunuloj fianĉiĝas oficiale. La indignita familio de Pirandello decidas ĉesigi la monatan subtenon, sed antaŭ la efektivigo de tiu ĉi decido, lia fianĉino forlasas lin. La amariĝinta Pirandello serĉas konsolon en studado, akiras kun speciala laŭdo diplomon de literatura kaj filozofia doktoro, dediĉas sin al verkado, kunlaborante — senpage, pro nura plezuro — en gravaj italaj revuoj. Lia patro proponas, ke Luigi edziĝu kun Antonietta Vartalano, kiu havas doton de 600,000 liroj. La knabino estas unu el la belegulinoj de Italujo kaj Pirandello enamiĝas ŝin freneze. Fatale, kelkajn monatojn post la geedziĝo, Pirandello perdas sian havaĵon per mineja spekulado. Antonietta grave malsaniĝas kaj Pirandello ekkonas la malfacilan batalon pro mono. Lia sukcesa verko Mathias Pascal savas lin de ekonomiaj humiligoj. Sed la suferoj plugas pliajn sulkojn en lian malfacilan sorton. Lia edzino freneziĝas. La familio volas ŝin sendi al frenezulejo, sed Pirandello protestas; li volas vivi sian sorton. La mondmilito plektis dornokronon ĉirkaŭ la kapo de l' hodiaŭa Nobelpremiato. Lia plej aĝa filo iĝis militkaptito, la dua filo vundiĝis grave, lia filino provis mortigi sin, kiam la freneza ĵaluzeco de l' patrino komencis persekuti ankaŭ ŝin. Sed en sia hejma »infereto« kiel Pirandello mem nomas ĝin, la granda verkisto laboris senlace. Forlasis la novelon kaj romanon por la teatro...

Mi rigardas la trajtojn de Pirandello, je kiuj respeguliĝas la laceco de l' antaŭvespera bankedo, kiam la Eksterlanda Ĵurnalistaro en Stokholmo honoris la verkiston. Tiam deklaris Pirandello, ke

»la verkisto estas morala produkto de sia tempo li devas reprezenti ĝin, sed li ne faras tion pro eksteraj spertoj, sed pro interna forto. La poeto vivas kun sia tempo, sed ne laŭ ekstero. Li vivas la internan vivon laŭ ekstrema intenseco. La politikaj eventoj formas absolutan

kontraston al la mondo de l' poeto. La arto ja ekiras el la momento, hazardo, kaj kreas el tiu la universalan tuton. La politikisto agas kontraŭe: li iras el la universala al la detaloj.«

La okuloj de Pirandello ekbrilas kiam prof. Hallström itale provas fini sian paroladon, la bonvola rideto de l' itala gasto afable signalas pardonon al la lingvaj eraroj de l' sveda kolego. Hallström laŭdas la interesajn novelojn de Pirandello kaj liajn romanojn, tamen devas konfesi, ke li atingis la plej altajn pintojn de l' arto per sia teatra dramatismo. Li estas iom skeptika verkisto, sed lia amara skeptikeco ne sufokis la idealecon...

Nun Pirandello iras al la reĝo por transpreni la artan diplomon, kiun ornamas bele pentritaj motivoj el lia teatraĵo: »Ses roloj serĉas aŭtoron«, dum tondra aplaŭdo de dumil ĉeestantoj.

Eksonas »Du gamla, Du fria«. (Vi maljuna, libera), jen mi rimarkas, ke mi kantas kune kun la svedoj, mi ne plu sentas min« reprezentanto de fremda preso«. Formortas la lastaj akordoj, la reĝo leviĝas kaj riverencas al la Nobelpremiitoj, klinas sin al la publiko, kaj forlasas la salonon, kune kun sia akompanantaro. Kiam ni eliras, mi ricevas afablan manpremon de Selma Lagerlöf, kiu transsendas salutojn al sia baptofilino Dorica-Selma en Örebro. Mi ne povas sekvi ŝin al la bankedo en la Urba domo, ĉar min atendas ja laboro; la lasta leciono de mia esperanta kurso en la Stokholma universitato. La festo finiĝis por mi, sed ne la festa humoro: sur la placo antaŭ la Koncerta domo brilas elektre lumigita kristnaska arbego, kaj eĉ kiam mi rerigardas malproksime de la koncerta domo, mi vidas flagradi sur la kolonoj misterajn torĉflamojn. Ili estas malfortaj, sed sufiĉaj por doni esperon pri pli lumaj tagoj. Kiam en Eŭropo plejparte regas nokto. Sed en Skandinavio lumas la eterna fajro de l' arto, scienco, homara progreso.

Kaj mi demandas: kiam ricevos esperantisto la Nobelpremion?

Stokholmo, en decembro 1934.

*Tiberio Morariu.*

(LB) CHOROMANSKI: KURACISTOJ KAJ MALSANULOJ. La preskaŭ nekonata verkisto per tiu ĉi interesa romano ricevis la grandan premion de la pola Akademio. Ŝajnas, kvazaŭ en deliro li estus verkinta tiun ĉi sufokatmosferan, strangan skribaĵon. Dum terure tempesta aŭtuna semajno okazas la historio, en kiu la malsane ĵaluza fabrik-posedanto volas ekscii, je ĉiu kosto, ĉu lin trompas lia edzino, ĉi tiu ekscita eturba demono. La virino — kiu jam antaŭ la edziniĝo havis plurajn amatojn — vere trompas la edzon kun la kirurgo-ĉefkuracisto, sed la edzo ne kredas al la pruvoj mem, kiel ankaŭ la kirurgon mistifikas la majstre aktoranta virino. Aero de realo kaj malrealo miksiĝas en ĉi tiu febro-odora, stranga skribaĵo, kiel ankaŭ la normalaj kaj nenormalaj homoj alternas en ĝi. Kelkaj majstre desegnitaj figuroj: la kadavro-odora malgranda tajloro kun siaj epilepsiaj infanoj, la aerŝveba germana scienculo, la furiozanta fabrik-posedanto kaj la virino, plena de seksa haladzo — ĉiuj ĉi estas fantome vivaj. Spirsufoka estas la ekscita priskribo de la operacioj kaj estas bonega la sentigo de la hospitala atmosfero.

(LB) DETRUO DE EUROPO de ILJA EHRENBURG. De la komenco ĝis la fino ĝi estas plej morda kaj plej trafa socia kaj politika satiro. Gin komencas la matenmanĝo de s-ro Twiot, posedanto de la plej granda viandkonservaj-fabriko en Chicago. Liaj fabrikoj konsumas jare ses milionojn kaj 627 mil porkojn kaj bovojn, sed koncerne la propran personon li estas severa vegetariano, kiu »laŭ la ordono de Dio« indulgas la bestojn kaj manĝas nur fruktojn kaj laktaĵojn. Ĉetere, li eldonis flugfolion kun la titolo: »Nia morala devo, aŭ: De nun ni generu nur racie.« Per tio li komprenas, ke sub severa kontrolo, dum cent jaroj oni povas produkti certajn specojn de laborhomo: la ŝarĝportiston-homon, la veturilgvidantan homon, la serviston-homon. La ŝarĝportisto kun dek ĉevalpovoj. Akcesoraĵoj: malgranda kapo, kretenеco, senkondiĉa obeemo. Ĉe la servisto: bone evoluintaj manoj, la lango tute paralizita, sekse indiferenta. Ĉe ĉiuj specoj la plej esenca estas la humilo. Sinjoro Twiot malamas Eŭropon, ĉar ĝi ne volis racie generi, nek manĝi el liaj viandkonservaĵoj.

Jens Boot, eltrovinto, fondinto kaj ĉefdirektoro de la D. E. Trust — (Trusto por la Detruo de Eŭropo) — naskiĝis sur la holanda insulo Texel, kiel frukto de kvarminuta distriĝo de la studvojaĝanta princo de Monaco kaj de amikiĝema insulanino. De lia patro li heredis la noblan pasion al hazardludo.

Sian junecon Jens Boot pasigas en infanhejmoj kaj migrantaj cirkoj. Kiel ŝiplernanto li venas unue en Amerikon. Li estas deksepjara, kiam en Cannes li konatiĝas kun la kvindekokjara fraŭlino Jozl, talenta pentristino, kiu dungas lin kiel modelon. Post unu jaro Jens rapidigas la morton de la fraŭlino per helpo de certaj ĥemiaĵoj kaj la grandegan heredaĵon forludas per ruleto dum sola nokto. Poste li dancas tangon kaj bostonon kun virinoj super la kvara X. La korpopezo de ĉi tiuj virinoj alternas inter 80 kaj 100 kilogramoj kaj, ĉar li estas bonega dancisto, dekunu el ili fondas sindikaton, kiu disponas pri la piedoj de Jens. Estas malpermesite al li danci kun junaj virinoj.

Ne estas fakto, ke la detruon de Eŭropo kaŭzis tiu rifuzo, kiun en la amuzejo Tea-Star fraŭlino Lucy Flamingo donis al Jens, kiu — blindigite de la ruĝaj harbukloj de Lucy — spitis la sindikaton, la propran intereson kaj la tradicion kaj, pagata dancisto, petis al danco la riĉan, fieran knabinon. Kvankam estas vere, ke en sia malesperiĝo li ĵuris venĝon al Eŭropo, sed per tio li sole rapidigis la faton de la mondparto sen tio jam kuranta en pereon.



B. Blau-Bán *Brikportantoj. Lignogravuro.*

Veninte en Ameríkon Jens Boot fondas la truston por la pereigo de Eŭropo. La membroj de la asocio, kiu disponas pri dudek miliardoj da dolaro, estas la jenaj: sinjoro Twiot, kies motivojn ni jam konas, sinjoro Jobs, la ŝtalreĝo, kiun furiozigis la malmultekosteco de la eŭropaj razil-klingoj kaj William Hardayle, la filo de la nafto-reĝo. Li aliĝas tial, ke sian nuptovojaĝon, kun la rava Cate, li volas pasigi en vera dezerto, kie ne estas oazoj, nek Cook-hoteloj. Kiam Boot promesas al li, ke tiun ĉi centprocentan dezerton li liveros al li en kvin jaroj, por tiu tempo li prokrastas sian edziĝon kaj donas ĉekon pri la ankoraŭ mankantaj sep miliardoj.

La D. E. Trusto konstruas en Ameriko, deksep organizajojn, kiuj direktas 314 filiojn en Eŭropo. Ĉiuj ĉi havas pli ol 18.760 dungitojn, inter ili »reĝojn, respublikajn prezidantojn, ministrojn, bankdirektorojn, militestrojn, gvidantojn de ĉiuj politikaj partioj, kardinalojn, eĉ krimulojn.« Ĉiuj ĉi ne havas eĉ ideon pri la ekzisto de la trusto kaj eĉ malpli konjektas, kiajn celojn ili servas per siaj agoj. Ĉiuj el iliaj organizaĵoj portas alian nomon, Boot konservis nur la du literojn. Ekzemple: »Ligo de Demokrata Emancipo«, Akcisocieto Deutschland-England«, »Decapitazione degli Ebrei« ktp. Neniu vidas la fonon de la aferoj. La filozofoj balbutas nur pri la »fatala blindeco de la regantaj rondoj«.

La eksplodigaj fadenoj de la detruo de Eŭropo kunkuras en la mano de la prezidanto de la franca respubliko, do estas nur kompreneble, ke Berlino kaj Germanio okupas la unuan lokon sur la listo. Grandegaj tankoj traruliĝas sur ili. Poste la romano kondukas tra la tuta Eŭropo, kie ŝtato post ŝtato oferfalas de la bomboj de flugmaŝinoj, de venenaj gasoj, de epidemi-baciloj, de venenita pluvo, de kontrabandita dormmalsano, de eksplodigoj direktitaj el malproksimo. Britlandon finas malsatmorto kaj ĝuste la plej altajn rondojn devigas la turmento al hom-manĝado, dum la diverspartiaj popolanoj volupte maŝinpafas unu la alian. Laŭdindan rolon ludas ankaŭ la revolucioj kaj enlandaj militoj. Estas bravaj, ĝentilaj landoj, kiuj ne atendas fremdan intervenon: ĝentile ili manĝas sin mem.

Francujon ekstermas la sekreta rimedo *Aphro.* La prezidanto jam importas 2.000 negrojn, por ke ili anstataŭu la francajn virojn senutiligitajn de la Aphro. Al la fina pereo helpas revolucio, en kiu la ribelantojn kondukas la pli juna frato de la prezidanto. Tiuj du entuziasmaj viroj fine tramordas la gorĝon unu de la alia. La restanta loĝantaro de Parizo rifuĝas en la koridorojn de la subtera tramo. Tie ili tremas por sia vivo, dum super ili la flugmaŝinoj nun jam utiligas siajn mortoportantajn bombojn unu kontraŭ la alia. Jens Boot vestas sin subakviĝiste kaj, armita per bona borilo, li descendas sub la akvospegulon de la Sejno. Mallongan tempon post tio, silento kovras la subterajn koridorojn: nur la ondoj de l' Sejno murmuras en ĝi mornan mortokanton.

Eŭropo estas dezerto. Kiu restis viva el ĝia loĝantaro, tiu elmigris al la aliaj kvar mondopartoj. Feliĉe, kun beatiĝinta rideto ili laboras en la plumbominejoj de Siberio, aŭ paŝtas ŝafojn sur la stepoj de Aŭstralio.

Jens Boot ankoraŭfoje trairas la malamatan-adoratan mondparton. Sur la ruinoj de gotika konstruaĵo, kiu iam estis la Palaco de Justeco, lupino nestas kun siaj idoj, sur la ŝtuparo de l' iama borso, potenca urso lekas siajn manplatojn: sed ili ne malamikas al la pacema, bonintenca homo.

Ĉu fantastaĵo, neeblo, troigo?... Ne. Ilja Ehrenburg eĉ ne streĉis sian fantazion. Nur celkonscie li ligis en »bukedon«, kion ni legas de tago al tago en la ĵurnaloj pri »la progresoj de la tekniko«, pri »la perfektigo de la armiloj«, pri »inventajoj de geniaj scienculoj«, kaj pri la enlandaj eventoj de kelkaj eŭropaj landoj.

Lia satiro estas brila, la tuta libro estas infere sprita kaj ĝuste pro tio, eĉ spite la kruelan sinceron, ĝi estas tre ĝuebla. Kaj ĉi tiu verkisto, kies sarkasmo estas razile akra, kapablas ankaŭ je senlima mildo, se temas pri trompitoj, senigitoj je rajto, infanoj, bestoj, planto. Liaj pejzaĝpripentroj estas belegaj. La virinojn li ne indulgas, same kruele li starigas ilin sur pilorion kiel la virojn, kaj, krome, li eĉ ne konsideras ilin serioze. Sed li tamen ekvidas en ili ankaŭ la noblajn trajtojn: la fidelecon, la altruismon.

BIOGRAFIO DE GABRIELE D' ANNUNZIO. Hodiaŭ ege malfacile estas verki biografion pri Gabriele d' Annunzio, ne falante aŭ en hagiografion aŭ en pamfleton, kiuj ambaŭ montriĝas same bedaŭrindaj ekstremoj. Aŭ ni rigardas kvazaŭ speco de dia ekzistado la »oran vivon«, kiun la poeto de la *Laudi* pasigis en tiu ĉi mondo, respektante ĉiun el la mil elementoj viciĝintaj en ĝi . . . aŭ ni senrezerve kritikas la vagirojn de lia tumulta spirito survoje al la gloro, nin helpante per la malicaj kronikoj kaj parazitaj anekdotoj.

S-ro Traversi saĝe evitis ambaŭ metodojn. Li priskribas en sia »Vita di Gabriele d' Annunzio« la *neimiteblan vivoflankon,* kiun oni ne povas neglekti; sed ne tro li atentas pri la akcesora rolo, kiun la virinoj kaj la hundoj ludis en la vivo de la granda poeto. Kelkaj amaj epizodoj tamen tre alloge spicas la libron, sed ni konsideru ilin nur tiom, kiom ili utilas al pli funda kompreno. Tiamaniere ni komprenas la biografion de artisto. Ĉio, kio rilatas la skandalan kronikon kaj etmensan klaĉadon, apenaŭ povas nin interesi. Sed la plej eta detalo povanta nin instrui pri la preparo, inspiro kaj prilaboro de verko estas senlime valora. Dum nuntempe gazetaj informoj kaj dubaj famoj kovras kvazaŭ per masko la personecon de la granda poeto, ni devas laŭdi s-ron Traversi, ke li sukcesis montri kaj klarigi la luman gravecon de tiu genio, ankoraŭ tiom fremda al la ĝenerala publiko.

VERS LA TERRE PROMISE. (Al la Promesita Lando). Ĉu Georges Duhamel entute pensis, ke la tria volumo de la »Chronique des Pasquier« estos plej akra rebato al la »1900« de Paul Morand? Ne estas verŝajne. Kaj tiom pli bone, ĉar la komparo montriĝos des pli signifoplena, Jes vere, supraje, la jaro 1900 povas ŝajni, kiel diris Morand, »brila, eĉ ora epoko«. Sed por Laurent Pasquier ĝi montriĝas kriza tempo, plena de pasiaj diskutoj pri la afero Dreyfus, pri la juda spirito, pri la burĝa socio, pri la impetaj ribeloj kontraŭ la media materialismo.

Ekde lia infanaĝo oni ripetadis al li, ke la familio Pasquier pli prosperos, kiam la patro akiros la doktoran diplomon kaj la heredaĵon de la onklino. Ĉio ĉi, jam estas efektiviĝinta, kiam komenciĝas la ĉapitro kun la titolo: »Rigardo sur la promesitan landon«. Tamen, Laurent neniam sentis sin tiom malfeliĉa. La patro, kun gaja senkonscio, arigas ĉirkaŭ sin skandalojn kaj dramojn. Por lukti kontraŭ liaj frenezaĵoj, la infanoj unuiĝas, kvankam profitemo kaj la diverseco de iliaj naturoj ilin disigas profunde. La Pasquier-oj ne plu formas familion, sed tribon, en kiu sin reciproke persekutas sovaĝaj bestoj. Nura solvo: disiĝo...

Ekstere, Laurent retrovas du amikojn: Justin Weill kaj la dolĉan Hélène Strohl, kies amon li malatentas. La aliaj estas pentritaj kun tiu sama klarvida kruelo, kun kia la manĝosceno ĉe la familio Pasquier. Duhamel neniam verkis ion pli akran ol la scenon, en kiu Joseph, la cinika voluptemulo, antaŭdiras al la ideologo Schleiter, ke ankaŭ li vendos siajn humanajn konvinkojn por porcio da »Langouste à la mongole«.

Kia subteno restas por Laurent? Lia patrino fiaskis en sia klopodo pacigi siajn infanojn; ŝi estas »sanktulino de la etaĝoj«, kaj Laurent konfesas, ke li ofte sopiras al pli larĝanima sankteco. Evidente restas al li tiu amo al la muziko, pri kiu la »Chronique des Pasquier« enhavas tiom da emociivaj pruvoj. Tamen, de nun li ne kredas plu ke la mondon savos la muziko aŭ scienco. La muziko lin konsolos, la scienco lin helpos iom kompreni tiun eksternorman mondon. Sed la fonto de lia kuraĝo troviĝas en la konscio, ke lia memo liberiĝis de la familiaj ĉenoj. La

libro finiĝas per tiu ĝojkrio venanta el profunda malespero: »Mi savos min mem!«.

Tiu Laurent multe similas al la Duhamel de la »Compagnons«, kiu fuĝis en la »fortan kaj malvarman aeron de sia soleco«. Tiu Duhamel estas seniluzia, sovaĝa. Lia optimismo, tiom laŭdata de kelkaj kritikistoj, estas eble nur metoda konkero. Ni ne povas kredi, ke senintence li donis al ni, ĝuste kiam li kandidatiĝis por la Akademio, unu el la plej signifoplenaj verkoj, per kiu li plej forte montras sian nesubpremeblan individuismon.

JONE NOGUĈI: PRI HIROSIGE. La bela libro, kiun s-ro Jone Noguĉi ĵus dediĉis al la japana pentrartisto Hiroŝige, ebligas al ni pliafoje admiri la talenton de la granda japana estetikulo. Oni konas s-ron Noguĉi ĉefe kiel grandan specialiston pri Hiroŝige, kaj la admirinda volumo, abunde kaj bonege ilustrita, kiun li nun donas al ni, konsistigas la sumon kaj definitivan staton de niaj konoj pri la pentristo de la rivero Sumida. La maniero, en kiu la arto de Hiroŝige viciĝas en la historio de la japana pentroarto, kaj la tiom verva, tiom spontanea originaleco, kun kiu li reproduktas la pejzaĝon aŭ animstaton, estis rimarkinde ekzamenataj de s-ro Noguĉi.

Plejunue, ne ŝajnas senutile klarigi al la eŭropa leganto, en kio la orienta pejzaĝo diferencas de la okcidenta. Ni ne povas ĉi tie disvolvi la trafan komparon, kiun faras s-ro Noguĉi tiurilate, sed ni nur akcentu, ke la ĉefa elemento de tiu diferenco kuŝas en la fakto, ke la eŭropa pentristo celas pli aŭ malpli la reprodukton aŭ reprezenton de la naturo, dum la aziano emas al io tute alia, nome al la unuiĝo kun la naturo per la malaperigo de la memo, aŭ, kiel tion pli bone esprimas s-ro Noguĉi: »*Nia koncepto pri la naturo baziĝas sur adorado kaj ne sur kritiko.*« Ke la tuta okcidenta pentroarto reprezentas pli aŭ malpli, laŭ lando kaj epoko, *kritikan* senton pri la naturo, tio evidentiĝas kiel unu el tiuj esencaj veroj, kiuj subtenas la argumentadon de la fama japana estetikulo kaj donas al lia libro konsiderindan ĝeneralan valoron. Ni efektive trovas en lia »Hiroŝige« ne nur la plej kompletan kaj plej subtilan komentarion pri la genio kaj verko de tiu pentristo, sed ankaŭ ĝeneralan superrigardon pri la japana arto; en ĝi la leganto malkovros valorajn Ariadnajn fadenojn, kiuj lin gvidos tra la labirinto de la azia estetiko. Kaj fine komentarion pri la diferencoj inter la orienta arto kaj la okcidenta; diferencoj, kiuj evidentiĝas, malgraŭ ke en la 19-a jarcento niaj impresistoj forte influiĝis de la japanaj gravuraĵoj, kaj en la 18-a jarcento la importado de holandaj pentraĵoj iugrade efikis, kaj eble pli ol oni ĝenerale kredas, sur la teknikon kaj spiriton de la artistoj de Azio.

Tiu libro estos utila ŝlosilo por ĉiuj, kiuj ankoraŭ ne konas la sekretajn vojetojn de tiu arto, esotera multrilate, sed facile komprenebla, kiam oni scias, ke la unuiĝo kun la naturo, bazita sur la ideo, ke la homo konsistas el la samaj elementoj kiel la akvo, la monto, la vento, la nuboj, estas ĝia plej subtila kaj plej potenca risorto.

BÉLA BLAU (BÁN), juna hungara pentroartisto, ofte ilustras nian gazeton aŭ la verkojn de nia eldonejo. Tial ĝojigas nin, ke li komencas esti konata en la artista mondo. Jen ni donas malgrandan karakterizon pri lia arto, okaze de la bildoj de li publikigitaj, el la plumo de unu el la konataj hungaraj artkritikistoj.

*

La juna Béla Blau (Bán) ekiras el la observo de la strukturo de socio kaj tirante la konsekvencojn de tio, li klopodas doni en siaj verkoj tiun socian enhavon, kiu estas, laŭ la evoluo-leĝoj, nerezignebla premiso de la vere laŭepoka artkreado. Tio klarigas, kial la bildoj de Béla Blau (Bán) prezentas la laborantan homon, montrante tiun en ties efektiva vivo, en ties realeca medio. Tion ni vidas sur lia bildo montranta sidantan laboriston, laciĝintan en laboro, kun grandegaj, ellaboritaj manoj, en eluzitaj ŝuoj, en ĉemizo malpuriĝinta dum la laboro, kun vizaĝo nerazita, sed kies rigardo kaj ĝia profundo estas preskaŭ maltrankviliga . . . La tuta bildo estas unueca, grandstila. Blau ŝatas la ruĝe-brunajn profundajn kolorojn, en kiu la arĝente brilanta bluo donas tre agrablan impreson.

Li ne sekvas en sia pentromaniero la skolojn de la moderna pentroarto, sed ankaŭ ne estas konservativa. Bone li uzas la elementojn elminitajn de la moderna arto kiel realajn valorojn, sed ilia apliko celas ĉe li ne nuran formalismon, sed la pli fortefektan esprimon de la tema enhavo.

Ni vidas ankaŭ sur la bildo prezentanta la sidantan laboriston, ke lia pentrista tem-enhavo estas tute alia, ol tiu de la pentristoj erarantaj en la labirintoj de diversaj ismoj, kaj, ne rekonante aŭ ne volante rekoni la realon, trankvile remaĉantaj siajn formproblemojn en la ebura turo de la arto. Li apartenas al tiuj junaj artistoj, kiuj ne kontentiĝis pri la rezulto de la artaj ismoj, sed, tiun transirinte, klopodas ŝanĝi la veran signifon, esprimon de la arto ankaŭ en la kadroj de la nuna sociordo kaj en sia arto esprimas la homon de la laboro. Tiujn klopodojn ni rimarkas ankaŭ en liaj grafikaj laboroj, kie la grafikan bildigon, reduktitan al la nigra-blanka koloroj, bonege li sentigas al ni per trafe ekvilibrita simpleco.

Ni povas konstati, ke tiu ĉi juna artisto, tenante sin for de ĉiuj laŭmodaj artofluoj, apartenas al tiuj malmultaj al kiuj estas klara la vera signifo kaj rolo de la arto kaj kiuj, sciante tion, laboradas por vivigi arton, tute alian kaj novan.

Se en liaj verkoj tie kaj tie estas formaj kaj koloraj mankoj, se liaj temoj ankoraŭ ne estas tute »pleni-



B. Blau-Bán *Sidanta laboristo.*

gitaj« en ilia apero sur la tolo, tio estas komprenebla: ja temas pri juna pentristo, kies pentrista kulturo nun estas maturiĝanta. Sed trans ĉio ĉi, li tamen marŝas sur vojo, kies rezulto estas nepridubebla. Estas do kompreneble, ke ni observas kun granda interesiĝo la evoluon kaj plenan artan disvolviĝon de tiu ĉi juna artisto.

*F. A. E.*

# DISKUTO

## KRITIKO PRI KRITIKOJ.

»Kion diras la kritikoj?« Kiom da fojoj oni aŭdas la frazon ripetita? Sed oni povas diri sentime, ke genio estas tiel malofta en recenzisto kiel en aŭtoro. Dirante ĉi tion, oni devas distingi inter la nura komentisto kaj la kritikisto, kies opinio estas valora, inter la nura ĵurnalisto kaj la kritikisto kiu mem posedas la sentojn de verkisto. Preninte anglan tradukon de kritikaĵo pri »La Tragedio de l' Homo« de E. Madách, mi legis:

»La kritikoj komentis ĉi tiun verkon el du malsamaj vidpunktoj. Kelkaj diras, ke la revoj (sonĝoj) estas prezentitaj de la poeto ne kiel historia vero, sed kiel trafe elektitaj de Lucifero kun la diabla celo peli Adamon al malespero kaj sinmortigo, por ke li detruu en si la tutan homaron. Aliaj klarigas la dramon tiel, ke la grandaj okazaĵoj kaj epokoj de la Historio aspektis al Madách mem en tiu malhela lumo, en kiu li bildigas ilin. Laŭ ĉi tiuj komentoj, Madách, la poeto de seniluziiĝo, kiu eĉ en siaj lirikaj poemoj kutime lamentis malkontenton, vidis en la Historio de la Mondo nenion krom konstantan detruadon de la esperoj, kiuj rekreskadas de generacio al generacio. Ĉiu epoko havas siajn idealojn, sed, eĉ kiam atingitaj, ili fariĝas trompaj.«

Ambaŭ vidpunktoj estas tute nesufiĉaj, ĉar surfacaj. Ĉi tiuj ‚kritikoj' tute ne penetris esplore la cerbon de Madách pere de lia verko. Se ni supozus mondon, kie estus nur du dimensioj — longeco kaj larĝeco — en tiu mondo ni devus imagi kreaĵojn, kiuj komprenus nur longecon kaj larĝecon. Al ili alteco aŭ profundeco ne ekzistus. Same estas pri la ĉi-supre aluditaj kritikoj, kiuj esploras la longecon kaj larĝecon de presitaj paĝoj sen scio pri la profundeco de la kreinta cerbo. Ili ne povis tute kompreni la dramon, ĉar ili ne sciis esplori la cerbstaton de Madách, kiam li verkis ĝin.

Kiel koni la cerbstaton? Ni povas ĝin koni nur pere de la atestaĵo prezentita de la verko mem, atestaĵo sekvota iom detektive. Jen la atestaĵo de »La Tragedio de l' Homo«:

Madách funde sciis la Biblion. Li plenplene akceptis la fabelon de Adamo kaj Eva — sed nur kiel fabelon. Li akceptis Luciferon kiel Spiriton de Malbono, kaj Dion kiel Spiriton de Bono. Tio estas konforma al la fabela klarigo de Edeno. Tamen la cerbo de Madách jam evoluis. Li ne estis ortodoksa »kredanto«, sed ŝajnas ankaŭ, ke li ne estis materialista Evoluciisto. Li staris ie meze. Tial ni trovas, ke Madách faris grandiozan verkon, kiu ĉiam havos literaturan indecon, sed kiu, entute, ne donas klaran bildon, ĉar klara bildo ne ekzistis en la verkista cerbo pro tio, ke la elementoj en lia cerbo ne estis kunfandigeblaj.

Kompreneble, individuaj scenoj el la Madácha majstraĵo estas klaraj kaj neforgeseblaj. Kompareblaj ili estas kun la grandiozaj scenoj de la angla »Paradizo Perdita« de John Milton. La angla poeto vivis antaŭ ol la »evoluciismo« komencis influi la pensojn de poetoj, kaj la klareco de liaj konkludoj tial ne estas taŭzita. La Miltona epopeo estas verko de ortodoksa puritana kredanto de la Biblio. Ĝi estas pura, sed ankaŭ malvarma. Kaj ĉar la anglaj kritikoj antaŭ ĉio devas esti puritanaj, la verko de Milton estas trolaŭdita. Tamen mi (anglo) kuraĝas proklami, ke la verko de Madách superas. Ĝi estas pli varma ĝuste pro tio, ke ĝi havas dubojn, ke ĝi estas pli homa kaj homama.

Alian kaj finan punkton mi indikas per eltiraĵo el la dramo, jene: —

ADAMO (al Lucifero):

Ho, lasu vidi, eĉ se dum momento,
— Vi scias, mia brusto estas forta —
Tiun funkcion, kiu min influas,
Min, kiu estas, sola en mi mem,
Tiel aparta er' kaj tia tuto.

Jen la kerno — »min, kiu estas, sola en mi mem, tiel aparta er' kaj tia tuto«. Jen la miro de l' homo ke li povas percepti sin. La vartistino diras pri la infaneto en lulilo — »Jen li komencas ekrimarketi«. La homoj estas kvazaŭ tre junaj infanoj en la lulilo de la civilizo. Nur de kelkaj miljaroj ili scias ekrimarketi, sed la amebo ekzistas eble de milionoj da jaroj kaj verŝajne la amebo tute ne ĝenas sin pri la peko de vivado aŭ pri sia aparteco, sia tuteco.

Sed la malfeliĉa homo ricevis la misteran povon »ekrimarketi« kaj liaj propraj pensoj ekteruris lin mem. La Scio! Jen lia unua peko! La scio, kiu eniris lian cerbon, teruris la Homon! Ŝajnis al li, ke nigra kaj blanka spiritoj ŝiras lian koron. »Kial mi estas turmentata«, li kriis kaj kriadas, unue al unu, tiam al la alia. Efektive li vokas aŭ al Dio aŭ al Diablo, kiuj en la mitologio verŝajne estis interŝanĝeblaj nomoj de la sama Io. La »povo« kiun Adamo sentas interne, estas nur la povo »ekrimarketi«. Kompreneble, ĉi tiu povo estas la plej mistera afero el ĉiuj mirindaĵoj. Ni povas konstati nur, ke ĝi estas la subtila alkemio, per kiu la Homo transformas sian bestan naturon ĝis — ĝis tio, kio li fariĝos.

*Pan Loti*

## DE LA REDAKCIO

En 1935 finas sian sepdekan jaron unu el unuaj pioniroj de Esperanto kaj unu el plej meritplenaj literaturistoj LEO BELMONT.

Volante dece soleni tiun fakton, nia Redakcio decidis komenci la jaron per numero dediĉita al Leo Belmont. Por ke la tuta jaro estu en nia literatura agado sub signo de Belmont, dum la tuta jaro ni publikigados verkojn de tiu eminenta aŭtoro.

Dezirante al tiu Meritulo plej longan kaj plej sukcesan vivon, ni prezentas al nia legantaro la nunan

**Belmontan numeron.**

Ĉiuj artikoloj pri Belmont estas represeblaj sole kun indiko de fonto, kaj alsendo de du ekzempleroj.

Atentu! La lasta dato por plej favorpreza aliĝo al **AELA** estas **31. januaro**

Mussolini-verko en Esperanto

## *Benito Mussolini: LA VIVO DE ARNALDO*

Tradukis K. Kalocsay

La verko aperis laŭ la iniciato de U. V. Pacini per la financaj rimedoj de s-ro Gino Catarzi kaj lau la afabla permeso de la itallinga eldonejo.

Antaŭparolon verkis: Gino Catarzi.

La verko prezentas al ni la fraton de la Duce, unu el la modestaj, sed tamen tre aktive partoprenantaj gvidantoj de la faŝista revolucio.

Ilustrita, kun bela kliŝita kovrilo.

Eldonis Literatura Mondo, Budapest.

Prezo: broŝurita svfr. 1.80, bindita 3.30, sur luksa papero: broŝurita 2.20, tole bindita 4.—.

Al ĉiuj prezoj aldonu 10% por sendkostoj.

Por AELA-anoj: broŝurita 0.90, bindita 1.80 svfr. plus 15 centimoj por sendkostoj. La luksa eldono por AELA-membroj 1.30, bind. 2.50 kun sendkostoj.

PLANO DE LA DEFINITIVA ITALLINGVA ELDONO PRI LA VERKOJ KAJ PAROLADOJ DE

## BENITO MUSSOLINI

Vol. I — DALL' INTERVENTO AL FASCISMO (DE LA INTERVENO AL FAŜISMO) 15 novembro 1914—23 marto 1919. Kun la milita taglibro.

Vol. II — LA RIVOLUZIONE FASCISTA (LA FAŜISTA REVOLUCIO) 23 marto 1919—28 oktobro 1922. Kun la paroladoj de la Revolucio kaj la paroladoj el la Deputita Benko.

Vol. III — INIZIO DELLA NUOVA POLITICA (KOMENCO DE LA NOVA POLITIKO).

Vol. IV — IL 1924. — Inkluzive de la »Preludo al Machiavelli«.

Vol. V — SCRITTI E DISCORSI dal 1925 al 1926 (VERKOJ KAJ PAROLADOJ de 1925 ĝis 1926).

Vol. VI — SCRITTI E DISCORSI dal 1927 al 1928 (VERKOJ KAJ PAROLADOJ de 1927 ĝis 1928).

Vol. VII — SCRITTI E DISCORSI dal 1929 al 1931 (VERKOJ KAJ PAROLADOJ de 1929 ĝis 1931). Inkluzive la paroladojn pri la »Laterana Konvencio«.

Vol. VIII — SCRITTI E DISCORSI dal 1932 al 1933 (VERKOJ KAJ PAROLADOJ de 1932 ĝis 1933). Inkluzive de »Doktrino pri Faŝismo«, »Korporacia Ŝtato« ktp.

Vol. IX — Daŭrigo.

La Vol. I kaj VII jam aperis la 28-an de oktobro 1933-XII°.

La Vol. II kaj VIII jam aperis je la fino de marto 1934-XII°.

La Vol. III kaj IV jam aperis je la fino de junio 1934-XII°.

La Vol. V kaj VI aperos dum oktobro 1934 kun akcela sinsekvo.

Ĉiu vol. de 300 ĝis 400 paĝ. en »sparta«-papero, enhavanta en la filigrano la »Liktoran Faskon« kaj la aŭtografan subskribon de Mussolini, kostas italajn lirojn 15.—. En belega laŭstila tolbindaĵo, kun oraj titoloj kaj bordoj it. lir. 25.—.

Eldonis Ulrico HOEPLI — MILANO.

PLANO DE LA DEFINITIVA ITALLINGVA ELDONO PRI LA VERKOJ KAJ PAROLADOJ DE

## ARNALDO MUSSOLINI

Vol. I — VITA DI SANDRO E DI ARNALDO (VIVO DE SANDRO KAJ ARNALDO). Verko de Arnaldo kaj Benito Mussolini. Vol. en form. 16, paĝ. 220 kun 2 portretoj it. lir. 10.—

Vol. II — DISCORSI (PAROLADOJ) inter kiuj, parolado al la junuloj de »Faŝista Mistiko« sub titolo: *Kredo kaj Konscienco;* parolado: »*Al nova supereco*« kaj tiuj por la arbara kaj agrikultura revekiĝo.

Vol. III — SCRITTI dal 1923 al 1925 (VERKOJ de 1923 ĝis 1925). Pri la unua periodo de aktiveco de la aŭtoro kiel Direktoro de »*Il Popolo d' Italia*« dum la starigo de la Faŝista Ŝtato kaj polemikoj pro la »Aventino«.

Vol. IV — SCRITTI dal 1926 al 1928 (VERKOJ de 1926 ĝis 1928). Kun la artikoloj pro la renovigo de agrikulturo kaj industrio.

Vol. V — SCRITTI dal 1929 al 1931 (VERKOJ de 1929 ĝis 1931). Kun la artikoloj pri la Interkonsento kun Vatikano.

La Vol. I aperis la 21-an de decembro 1933-XII, unua datreveno de la morto de *Arnaldo Mussolini*. Vol. II, III, IV kaj V aperos en la jaro XII. Ĉiu vol. kostos, laŭ la amplekso, ekde it. lir. 10.— ĝis it. lir. 15.—.

Eldonis Ulrico HOEPLI — MILANO.

# La kotizo por AELA je la jaro 1935 estas nur sv. fr. 10·—

**Detalan prospekton sendas al vi la eldonejo de „Literatura Mondo"**

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.